# Pozitiva laboro

En sia „Respondo" (vidu Internacian Kulturon, n-ro 5) s-no Adamson starigis la demandon: „Kiajn rimedojn Zalupsky rekomendas por devigi la kolegojn doni al ni rapide la informojn?" La respondo miaparte estas ja tre mallonga: „la sola rimedo estas praktika laboro, t. e. ni publikigu en la Informilo de TEĴA la adresojn de tiuj kolegoj, kiujn oni ne necesas „devigi" kaj ni helpu al ili efektivigi reciprokan interŝanĝon de taŭgaj materialoj. Tiuj „nedeviguloj" regule informu pri la sukcesoj de peresperanta ĵurnalista laboro kaj tiamaniere akiru novajn aktivajn TEĴA-anojn eĉ inter la membroj de TEĴA. Nia organizo ja ne bezonas neaktivajn membrojn, do nia celo ne estu akirado de kiel eble plej multaj membroj, sed la akirado de aktivaj, praktike laborantaj ĵurnalistoj.

Por pruvi ke malmultaj aktivaj ĵurnalistoj kaj esperantistaj kunlaborantoj estas pli valoraj ol multaj „nurmembroj" mi kunsendas kelkajn eltranĉaĵojn el „Práca" kun publikigitaj kontribuaĵoj peresperantaj:

1. la 17-an de julio „Práca" publikigis la artikolon „Nuntempa bulgara literaturo" de prof. Dinekov, kiun mi prilaboris laŭ la sama artikolo en IK;

2. en la sama numero de „Práca" aperis la artikolo „Ĉefaj politikaj partioj en Siamo" de s-ano Pracan Sivilai, Bangkok, Siamo;

3. la 16-an de julio „Práca" publikigis artikolon „Japana muro kontraŭ ruĝa danĝero" de s-ano Kurisu, Osaka, Japanio (kun du ilustraĵoj);

4. la 30-an de junio „Práca" publikigis artikolon pri islanda literaturo de s-ano D-ro Mildwurf, Londono kun la titolo „Literaturo de la lando de fajro kaj glacio",

5. en la sama numero aperis la artikolo de s-ano E. Schlesinger, Cluj, Rumanio „La gazeաro de popoldemokrata Rumanio".

Jen la praktikaj rezultoj dum la lastaj tri semajnoj! Ĉiuj artikoloj estas publikigitaj kun klara mencio pri ilia „esperanta deveno", plejparte en tiu formo, ke tuj sub la titolo estas menciite: de la esperanta kunlaboranto de „Práca" en... kaj ĉiuj estas subskribitaj per nomoj de aŭtoroj, urboj kaj landoj.

Por publikigo estas jam preparitaj: artikolo de s-ano P. Balkányi, 3 artikoloj de s-ano Kurisu (kun ilustraĵoj), artikolo de s-ano D-ro Mildwurf kun 3 fotoj, traduko de japana novelo pere de s-ano Kurisu.

Jam en la eldonejo troviĝas slovaka traduko de la japanlingva libro de Sanzo Nosaka „16 jaroj en emigracio", tradukita laŭ la esperanta traduko de s-ano Kurisu. La libron komencis traduki en hungaran lingvon s-ano Zoltáah Imre en Budapest, al kiu mi jam sendis la „esperantan originalon". Se eventuale en iu alia lando troviĝas lerta esperantisto, volanta traduki la libron en sian gepatran lingvon kaj eldoni ĉi tiun verkon, mi klopodos kiel eble plej frue sendi al li la „esperanto originalon" de s-no Kurisu.

Por slovaka traduko kaj eldono estas preparata la novelaro de Ŝigeharu Nakano laŭ la esperanta traduko — el japana lingvo de s-ano Kurisu.

Same estas preparata la slovaka traduko kaj eldono de japana romano de Takiĝi Kobajaŝi „Krabŝipo" laŭ la esperanto traduko de s-ano Kurisu.

Ĉina s-ano Honfan el Nankino sendis al mi kompletan esperantan tradukon de ĉina satira komedio „Promocio", kiun mi tradukas en slovakan lingvon por libra eldono kaj prilaboras por radiodisaŭdigo.

Jen, eta rondeto de aktivaj esperantistoj ŝajnas labori aktive kaj praktike. Pliaj kunlaborantoj estas kore bonvenigataj. *Imrich Zalupsky,*

red. de „Práce" Košice, Benešova 31, Ĉeĥoslovakio

# LA FAKA KONGRESO DE ĴURNALISTOJ EN BOURNEMOTH

La faka kongeso ĉi-tiujara en Bournemouth dum la Universala Kongreso kolektis pli ol dudek aktivajn ĵurnalistojn kaj kelkajn gastojn.

Kvankam mankis kelkaj eŭropaj landoj, ĉeestis ĵurnalistoj el 11 landoj kaj kun ĝojo ni povis saluti kolegojn el Ĉinio, Brazilio, Argentinio kaj Egiptio. La ĉina kolego estis Chun-Chan Yeh, jam famekonata verkisto, kies libroj aperis en 10 lingvoj; li ankaŭ verkis 2 librojn en esperanto kaj li estis inter la ĉinaj invititoj al la kongreso de intelektuloj en Varsovio antaŭ 2 jaroj. El Argentinio partoprenis la tre konata esplorvojaĝanto Tibor Sekelj el Buenos Aires, kiu ankaŭ estas vere aktiva ĵurnalisto kaj verkisto. El Egiptio ĉeestis la ĵurnalisto Tadros Megalli, Kairo, kunlaboranto en la grava araba gazeto Al Aharam.

Post kiam Einar Adamson salutis la konferencon oni elektis kiel kongresfunkciulojn; Redaktoron Teodor Julin, Stockholm prez., redaktoron André Remon, Parizo, sekr., Sekelj kaj redaktoron Teo Jung, Nederlando protokolkontrolistoj.

La konferenco aprobis la agadraporton de la estraro kaj la ekonomian raporton. Adamson raportis pri estrara kunsido en la popolaltlernejo de Viskadalen samtempe kun la internacia socialpolitika kurso tie kaj ke la estraro decidis proponi eldonon dum la vintro de la adresaro, tamen ke la plej multaj membroj de TEĴA tute ne sendis detalajn sciigojn. La kongreso decidis laŭ la propono.

Ĉar la estrara membro Verner Ödegard mortis oni decidis ke la estraro voku la anstataŭanton, redaktoron Henrik Karlsson, Kisa, Svedlando. La kongreso konfirmis kaj decidis voki ĵurnaliston Vim Derks, Tilburg, Nederlando al la estraro anstataŭ Ric. Nielsen, Danlando pro kelkaj plendoj pri lia malaktiveco. Kiel anstataŭanton oni elektis ĵurnalistinon Stevens, London. La elektoj validas ĝis la novelektoj post la faka kongreso en Parizo 1950. En tiu kongreso oni nomos kandidatojn por nova estraro dum la periodo 1951—1953. La fina konfirmo okazos per balotado inter la membroj, se estas tro multaj kandidatoj aŭ diversaj opinioj.

Reprezentantoj el diversaj landoj donis interesajn raportojn pri sia agado en la gazetoj por kaj per esperanto. Oni ankaŭ decidis esplori la eblojn por ĵurnalistoj pri senpagaj vojaĝoj en diversaj landoj ktp., ĉar en la diskutado montriĝis ke la ebloj estas tre malsamaj, dum en unu lando ĵurnalisto povas havi senpagajn biletojn, li en alia lando devas pagi duonan sumon, en aliaj li ne havas tian rajton. La estraro estas tre dankema al ĉiu membro, kiu donus raportojn pri la ebloj kaj favoroj, kiujn povas havi ĵurnalistoj en la respektivaj landoj. *Einar Adamson*

## ESPERANTA INFORMA SERVO FONDITA EN SLOVAKIO

Trenĉin (EIS) — En Slovakio estis fondita „Esperanta informa servo", kun celo peradi informojn kaj sciigojn pri okazintaĵoj en la tutmonda esperanta movado kaj zorgi pri enpreso de ĉi tiuj en slovaka gazetaro. La gesamideanoj en unuopaj landoj, esp. redakcioj kaj redaktoroj-esperantistoj, kiuj estas pretaj al kunlaboro kaj sendos al ni taŭgajn informojn, ricevos interŝanĝe nian informilon pri esperantaj, sociaj, kulturaj ks. okazintaĵoj nialandaj.

Esperanta informa servo, **Trenĉin, Pod Sokolícami** 1675, Ĉeĥoslovakio

INTERNACIA KULTURO

SEPTEMBRO 1949

KULTURA KAJ SOCIA REVUO DE LA DANUBREGIONAJ ESPERANTO-ASOCIOJ

ADRESO: STRATO TRI UŜI № 15, SOFIA — BULGARIO

KVARA JARO

NUMROE 9

# NENIAM PLU 1939

*Ĝuste antaŭ 10 jaroj — la 1-an de septembro 1939 — la germano-faŝistaj armitaj bandaĉoj invadis la polan landlimon, per tio provokante la incendion de la dua tutmonda milito.*

*La antaŭhistorio de tiu ĉi milito estas ja bone konata: la diversnaciaj monopolistaj trustoj financis, subtenis kaj kuraĝigis la germanan militarismon, ili permesis kaj helpis Hitleron okupi la regpotencon, ili manĝigis la germanan faŝismon per la Saarteritorio, per la anekso de Aŭstrio, de Memel, de la Sudetregiono, fine de Ĉeĥoslovakio. La sola celo de la kapitalistoj estis direkti la faŝistan monstron orienten — al la malamata de ili bando de la socialismo, USSR — por povi frakazi ĝin per alies manoj, konservante sian propran potencon ne tuŝita.*

*Samtempe per tiu ĉi milito ili deziris senfortigi la germanan imperiismon kiu minace konkurencis per sia industrio kaj komerco la komercon kaj la industriojn de Britlando kaj de Usono. Per unu kugio ili volis trafi du leporojn.*

*Sed la kontoj de la imperiistoj estis en sia unua parto surkrucintaj. Antaŭvidinte la abomenan planon de la tutmonda imperiismo kaj reakcio, USSR prokrastigis per du jaroj la atakon sur sin mem, farinte kun la tiamaj regantoj de Germanio kontrakton pri ne-atako; la imperiismaj ŝtatoj mem, ĉe la kapo kun Usono kaj Britlando, ne sukcesis resti ekster la batalfajro, en kiu ili esperis ke sin rostos USSR sola; fine la fortoj de USSR, malgraŭ la perfida germana batego, malgraŭ la gigantaj perdoj, ĉe la militfino ne nur ne malpliiĝis, sed kontraŭe — forte kreskis.*

*La unuan de septembro 1939 la germanaj imperiistoj incitis la mondmiliton en kies flamoj pereis dekoj da milionoj da homoj, en kiu la homaro perdis nekalkuleblajn materialajn kaj kulturajn trezorojn, kreitajn dum jarcentoj per la laboro de multe da generacioj.*

*Pro la politiko de blinda malamo al la progreso kaj socialismo, pro la egoismo de nemultaj monopolistoj, zorgantaj nur pri siaj profitoj la popoloj karege pagis. Dank' al USSR, kiu eltenis sur siaj ŝultroj la grandegan plejparton de la terurajoj de la milito, la germano-faŝistaj konkerintoj estis venkitaj.*

*Antaŭ dek jaroj la popoloj ricevis amaran lecionon. Nur la monopolistoj kaj la reakciuloj, kiuj flegis la faŝistan monstron, kiuj armis kaj kuraĝigis ĝin, nenion malnovan forgesis kaj nenion novan lernis. La krimaj imperiistoj hodiaŭ preparas kaj incitas novan mondmiliton!*

*Nun tamen la popoloj de la mondo faros bonan uzon de sia maldolĉa leciono de 1939. Ili ne plu kredos la mensogojn de la novaj militincitantoj, la banale ripetatan propagandon kontraŭ la socialismo kaj komunismo. Krom tio, radikale aliiĝis la proporcio de la fortoj en internacia skalo: Sovjetunio ne plu estas sola pacema lando antaŭ la atakonta imperiismo. Ĉe la flanko de la paco nun troviĝas la landoj de popoldemokratio, la 450-miliona Ĉinlando, venke permilitanta sian liberecon kaj sian helan socialisman estontecon, la kolonipopoloj luktantaj por nacia liberiĝo, la milionoj da ordinaraj homoj en Eŭropo, ja en Usono mem.*

*Nun, dek jarojn post la Dua mondmilito tra la tuta mondo disvolviĝas pacmovado, kiu bremsos la ĉaron de la milito, malebligos la krimajn planojn de la usonaj militincitantoj kaj ties helpantoj.*

*Al tiu ĉi pacmovado aliĝas ankaŭ la esperantistaro, kiu aktive kontribuas por konstrui la demokratan internacian solidarecon, por veki la atentemon de la popoloj kontraŭ la novaj abomenaj militbruligantoj, por izoli kaj senmaskigi ilin.*

*Tion ĉi ili atingas rekte kontaktigante la diversnaciajn kaj diverslingvaj demokratojn de la mondo per siaj individuaj kaj precipe kolektivaj leteroj kaj korespondaĵoj, per la radiodisaŭdigoj, kiuj pli kaj pli vaste estas aplikataj de pluraj radiostacioj per la persona kontakto ĉe reciproka gastado kaj ĉe interpopolaj kunvenoj, konferencoj kaj kongresoj.*

*Esperantistaj pacbatalantoj! Antaŭen kun la tuta pac-ama homaro, por defendo de la nacia sendependeco kaj ŝtata suvereneco de ĉiuj popoloj — grandaj kaj malgrandaj, por paca kunlaborado inter ili, por malpermeso de la atommilito!*

*La homaro devas gajni la batalon por la paco kaj ĝi gajnos ĝin!*

*As. Grigorov*

# SANDOR PETÖFI

Antaŭ cent jaroj mortis Petöfi, la plej granda poeto de la hungara popolo: li falis en sia 26-a jaro batalante por la libero. La hungaroj, konstruantaj la socialismon, solene nun memoras, ĉe la centa datreveno, tiun batalon revolucian, gloran eĉ en sia malvenko, kaj sanktigitan per la sango de poeto-heroo. Ili solenas la memoron de Petöfi, kaj en tiu soleno partoprenas ĉiuj progresaj popoloj de la mondo; unuavice la granda Sovjetunio montras sian sinceran amon kaj rekonon al la fajranima bardo, kantisto de la mondlibero.

En la poezio de Petöfi klare respeguliĝas lia vivo, lia epoko, ĉiuj esperoj, lumoj kaj ombroj de la siatempaj enlandaj kaj mondaj eventoj. La malriĉiĝo de liaj gepatroj, la humiligoj de liaj lernantojaroj, lia mizere aventura vivo de migranta aktoro, la turmentoj de lia soldateco en la imperiestra armeo, la malsatoj kaj frostoj de lia vagabondado tra la landvojoj — ĉio ĉi enestas en la mirinde klara spegulo de lia poezio. Kaj enestas lia pli kaj pli forta ligiĝo al la popolo, la pli kaj pli arda revolucia impeto de lia koro, enestas la granda libermilito, en kiu li fine falis, kiel li mem profetis!

Se iam ĉiu sklavpopolo
Ribelos kun jugrompa volo,
Kun ruĝa vango, ruĝa flag' flagranta.
Kaj sur la flago kun devizo sankta:
Mondolibero,
Kaj tra la tero
De Orient' ĝis Okcident' ĝi muĝos,
Batal' decida pri l' tiranoj juĝos,
Jen estu mia fal'
Sur kampo de batal'...

Kun Petöfi io nova komenciĝis en la hungara poezio. Lia voĉo estas la voĉo de la konsciiĝanta popolo. Anstataŭ la desupra nobela reformo en ĝi eksonas la penso de la demalsupra popola liberiĝo. En liaj kantoj kaj romancoj parolas la popolo mem. En liaj belegaj pejzaĝpriskribaj poemoj la popolo kvazaŭ ĉirkaŭrigardas en sia patrujo, kvazaŭ prenas sian landon en sian posedon. Kaj tial tiuj poemoj, eĉ la ŝajne tute senpolitikaj, estis tamen revoluciaj: la siatempaj reakciaj kritikistoj eksentis tion, kaj tial ili atakis lin tiel akre kaj furioze pro lia „kampara stilo“, „kruda lingvo“, „vulgareco“.

Tamen, Petöfi ne haltis ĉe tio: li estis ne nur poeto de la popolo, sed ankaŭ poeto de popola revolucio. Kiel li mem kantis:

Mia kant' la malbravajn paligas... ja ĝi
Vian ŝtormon anoncas, ho revoluci'...

La granda poeto Petöfi estis ne malpli granda kiel politikisto. Li gvidis la maldekstran flankon, la plebejanjakobenan flankon de la hungara libermovado. Li estis la gvidanto, la organizanto de la 15-a de marto 1848, de tiu sensanga revolucio. Sub la efiko de tiu historia tago akceptis tiel subite la nobela landkunveno la forigon de la feŭdalaj privilegioj. Jes, ĉar diskuris la famo, ke Petöfi kolektis apud Budapest 50,000 kamparanojn por ekiri kontraŭ la hezitanta nobelkunveno. Kaj tion oni ja povis kredi pri Petöfi, kiu kantis:

Ankoraŭ petas la popol', nun donu!
Ĉu vi memoras, kia la furioza
Popolo, ne petanta, sed prenanta?
Ĉu vi memoras pri Georgo Dozsa?
Lin por brulig' al fajra tron' vi ligis,
Sed flam' spiriton lian ne bruligis,
Ĉar ĝi mem estas flam'! Vin bone gardu,
Ke tiu fajr' eksterme ne reardu!

Kaj ankaŭ poste, en ĉiu kriza momento de la revolucio, Petöfi tuj ekagas, ekagitas, kunvokas amaskunvenojn por protesti, kiam la hungara registaro montriĝas hezitema, sendecida, oportunisma. Akrege li protestas, kiam la registaro volas cedi al la imperiestra deziro kaj intencas sendi trupojn en Italion kontraŭ la tieaj liberbalantoj. Petöfi, la flamanta hungara patrioto estis samtempe poeto de mondlibero: li entuziasmis pri la solidareco de la demokrataj popolmovadoj. Kaj kiam la registaro ne montras sufiĉan energion kontraŭ la imperiestra atako, kiam la interna reakcio komencas sin organizi, kiam la „moderuloj“ komencas forlasi la tendaron de la revolucio, li ektondras:

Kie malamikoj? Ne demandu!
Ĉie, kien la rigard' atingas,
Kaj plej granda, plej danĝera estas,
Kiu frate vin per brakoj ringas.

Inter ni la malamik' plej granda:
De l'perfidaj fratoj band' malbena!
Cent per unu koruptiĝas, kiel
Glas' da vino per gutet' venena.

Mortkondamn' al ili!...

Se pereos friponar' interna,
Eksterulojn venkos ni facile...

La revolucia singardo signalas alarmon en tiu potenca poemo.

Petöfi kredis je la popolo, li kredis, ke la popolo, malgraŭ stumbloj kaj devojiĝoj, fine trovos por si la ĝustan vojon. Sed por tio ĝi bezonas rajtojn:

La unu man' plugil-tenilon,
L' alia glavon tenas.
Popolo bona povra jene
Oferas sangon, ŝvitas pene,
Dum ĝi la vivon tenas.

Kial ĝi verŝas sian sangon?
Ja, kiom ĝi bezonus
Da manĝ' kaj vesto por vivteno,
La ter' patrina eĉ sen peno
Per si mem al ĝi donus.

Kial ĝi sangofere sturmas
En la batalan tajdon?
Patruj-defendi — vi insistas.
Patruj' sen rajto ne ekzistas,
Popol' ne havas rajton.

Petöfi ne timis la popolon, li kredis je ĝi. La forton por tiu kredo donis al li lia liber-ideo. La liberon li festas kaj gloras kun preskaŭ religia entuziasmo; eĉ liaamaj poemoj ofte finiĝas per psalmo al la libero. Li ne senreviĝis pri la liberideo de la franca revolucio, kvankam tiutempe jam evidentiĝis, ke la politika libero ne kunportas la ekonomian kaj homan liberiĝon. Li ne seniluziiĝis: trans la liberala, nure politika liberideo li reiris al la origina liberideo de la Franca Revolucio, kies esenco estis la humanismo. Tiu humanismo diras, ke la homo kapablas estri sian propran mondon, se li povas tiun aranĝi laŭ sin propra bildo. La liberideo de Petöfi do estas kredo je la homo. Li bone konsciis, ke la politika libero sola estas ege malsufiĉa:

Se preni el abundo-korbo
Egale ĉiu povos jam,
Se lokon ĉe la rajto-tablo

# DU POEMOJ DE SANDOR PETÖFI

## Palaco kaj kabano

*Palaco, kial tiom vi fieras?*
*Ĉu pro la bril' de via grandsinjoro?*
*Li ja surhavas siajn diamantojn,*
*Por ke li kovru nudon de la koro.*
*Deŝiru ĉi fatrasojn, kiujn*
*Servisto lia sur lin kroĉas,*
*Ne rekoneblos verk' de Dio,*
*Tia mizero tie loĝas.*

*Trezoroj faras ĉion el ĉi nulo,*
*Kaj kie ĉi trezorojn li akiras?*
*Kie la nizo la birdeton, kiun*
*ĝi por grasiĝi rabas kaj disŝiras,*
*En nesto de arbet' proksima,*
*Dum gaje tiu niz' festenas'*
*Birdidoj ploras, atendante*
*Patrinon, kiu ne revenas.*

*Nur fanfaronu, vi, palac' orgojla,*
*Per la trezoroj rab-akumulitaj,*
*Nur brilu, brilu, vi ne brilos longe,*
*Jam viaj tagoj estas kalkulitaj.*
*Kaj mi deziras, ke tre baldaŭ*
*Vi ruiniĝu, falu rube,*
*Kaj frakasitaj ostoj de la*
*Loĝantoj aĉaj kuŝu sube.*

*Kabano eta, apud tiu alta*
*Palaco, kial tiom vi modestas?*
*Ĉu vi vin kaŝas inter branĉoj por la*
*Mizeron kovri, kiu en vi nestas?*
*Akceptu min, ĉambret' obskura,*
*Ne brilaj vestoj minimponas,*
*Sed brilaj koroj, kaj ĉambretoj*
*Obskuraj tiajn al mi donas.*

*Sankta la sojlo, kiun mi transpaŝas,*
*Sankta la sojlo de la pajl-dometo:*
*Tie naskiĝas la granduloj, kiujn*
*Ĉielo sendas por mond-elaĉeto.*
*Ja ĉiuj, kiuj sin oferas*
*Pro l' mondo, venas el kabanoj,*
*Kaj tamen ĉie nur malŝaton,*
*Mizeron spertas popolanoj.*

## La juĝo

*Mi foliumis ĝis fin' la volumon de mondhistorio.*
*Kio do estas homar-historio? Rivero de sango,*
*Kiu el roka montar' de nebul-kovrita paseo*
*Fontas kaj sen halt' fluegadas ĝis ĉi epoko.*
*Kaj ja ne kredu, ke ĝi jam ĉesis. La flu' ekirinta*
*Nur en sino de mar' ekripozos, nenie pli frue.*
*Fluos maron de sang' tiu longa rivero de sango.*
*Tagojn terurajn al ni proksimiĝi mi vidas, kielajn*
*Vidis neniam la mond', kaj ĉi tempo de paco nur estas*
*Tiu silento de tomb', kiu post ekfulmo kutimas*
*Regi, ĝis tondra muĝeg' ekskuas ĉielon kaj teron.*
*Vian vualon, futur', vi profunde sekreta, mi vidas,*
*Kaj tra ĉi tiu vual' fefajro de sorĉa inspiro*
*Klare lumigas al mi. Kaj kio sub ĝi vidiĝas,*
*Tio teruras min, sed min samtempe ekzaltas*
*Por sovaĝarda jubil'. Jen ree la Dio Milita*
*Vestas sin per kiras' kaj la glavon kaptante en manon,*
*Surĉevaliĝas, kaj, galopante tra vasto de mondo,*
*Ĉiujn popolojn de l'ter' por lukto decida elvokas.*
*Estos tiam la ter' du nacioj interbatalantaj:*
*Bonaj kaj malbonaj. Nun, de eterne venkitaj*
*Venkos la bonaj. Sed ĉi unua ilia triumfo*
*Kostos maron da sang'. Ja egale! Jen estos la juĝo,*
*Kion al ni per buŝ' de profetoj Dio promesis.*
*Tio ĉi estos la juĝ', post ĝi komenciĝos la vivo.*
*Sekvos eterna beat', kaj por ĝi ne devos ni flugi,*
*En la ĉielon. Ĉar mem la ĉielo al tero descendos.*

*El la hungara: K. Kalocsay*

---

*Ne timu, bonaj, kompatindaj homoj,*
*La temp' feliĉa estas jam proksima.*
*Se vi ne havas nunon kaj paseon,*
*La via estos la futur' senlima.*
*Mi min, sub ĉi tegment' malvasta*
*Sed sankta, sur genuojn metas.*
*Mi donas al vi mian benon,*
*Kaj vian benon de vi petas.*

---

Egale ĉiu trovos jam,
Se lumo de spirit' briligos
Ĉiun fenestron de kaban'
Tiam ni povas diri: Haltu!
Jen estas jam la Kanaan'!

Tiuj versoj kaj lia revolucia epopeo „La Apostolo“ klare pruvas, ke li konis la ideojn de la siatempa utopia franca socialismo.

La poezio de Petöfi estas fidela spegulo de la grandaj tempoj de la hungara popolo, sed ĝi estas pli ol spegulo, ĉar el ĉiu ĝia verso radias rara genio, flama fantazio, en ĉiu verso batas koro ardanta por la libero. Tiu poezio estas komuna trezoro de ĉiu liberama popolo.

Historia kontentigo kaj granda fiero estas por ni, hungaroj, ke nun, ĉe la centa datreveno de la martira morto de Petöfi, ree, kiel tiam, tamen ni luktas kaj laboras nun por konservi la akiritan liberon, starante en la tendaro de la libero kaj progreso, inter la popoloj gvidataj de la lando de socialismo, la granda Sovjetunio.

*K. Kalocsay*

*Mgr. Isaj Dratwer*

# La Kvinjaro de Popola Pollando

La 22-an de julio de la kuranta jaro forpasis kvin jaroj de la ekzistado de Popola Pollando.

Mi klopodos en la nuna artikolo fari mallongan revuon de tio, kio estis la bazoj de Popola Pollando, rakonti pri ĝiaj laboroj kaj atingajoj dum la pasinta kvinjaro.

La 31-an de decembro 1943 dum la furiozanta hitlera teroro konspiracie kunvenis en Varsovio la Landa Nacia Konsilantaro, reprezentanta ĉiujn demokratajn alojn de la pola loĝantaro. Tio estis komenco de la estonta popola regado en Pollando.

En urbo Chelm sur la liberigita pola terpeco, la 22-an de julio de jaro 1944, la estradon transprenis la Pola Komitato de la Nacia Liberiĝo, vokita al vivo de la Landa Nacia Konsilantaro. La Komitato, kiu estiĝis la unua registaro de Popola Pollando, komencis konstrui la novan polan ŝtatecon.

Unu el la komencaj agoj de la Pola Komitato de la Nacia Liberiĝo estis proklamo de Manifesto al la poloj en la lando kaj eksterlande, al la liberigitaj poloj kaj al la poloj troviĝantaj ankoraŭ sub la germana okupado.

La Manifesto salutis la Polan Armeon, kiu estis kreita sur la teritorio de Sovjet-Unio kaj kiu en la triumfa venkiro marŝis apud la Ruĝa Armeo ĝis la definitiva venko. Ĝi anoncis la politikon de eterna alianco kun Sovjet-Unio.

La manifesto fiksis la polan administradon sur la liberigitaj terenoj, ĉesigis la kompromitiĝintan pro la kunlaboro kun germanoj policon kaj kreis la Civitanan Milicon.

La Manifesto proklamis la restarigon de ĉiuj civitanaj liberoj.

La Manifesto ordonis tujan plenumon de la tiel sopirata de la polaj kamparanoj terreformo kaj ŝtatigon de la grandaj entreprenoj, realigante tiamaniere la ideojn, lumantajn al la generacioj, kiuj batalis por libereco.

La Manifesto proklamis la organizon de la demokrata instruado, malfermita por la laboristaj kaj kamparanaj infanoj.

Tio estis manifesto de la libereco kaj socia justeco, metanta la fundamentojn de la konstruo de pli bona morgaŭo.

Sed oni devis ne nur konstrui Demokratan Pollandon, sed ankaŭ rekonstrui la detruitajn de la germana invado landon kaj ĉefurbon.

La 17-an de januaro 1945 estis liberigita Varsovio. Sur ĝiajn ankoraŭ fumantajn ruinojn alvenis la Provizora Pola Registaro por proklami, ke Varsovio, detruita de la germanaj barbaroj, vivas kaj plue vivos kiel ĉefurbo de Pollando.

Sed la konstruo de la nova vivo en la preskaŭ tute detruita kaj senhomigita ĉefurbo ne estis facila. La rilato de la loĝantarperdoj de l'ĉefurbo al la nombro de la viktimoj en la tuta lando estis 13 procentoj.

Preskaŭ 70 procentoj de la konstruaĵoj de Varsovio estis detruitaj. La granda kvartalo de la urbo estis ŝanĝita je monto de ruinoj kaj gruzoj. Oni bruligis kaj detruis preskaŭ la tutan centran urboparton.

El 940 konstruaĵoj de diversaj lernejoj kaj sciencaj societoj estis detruitaj 658. El 440 hospitaloj, malsanulejoj, klinikoj, orfejoj ktp. estis detruitaj 352 konstruaĵoj. El 200 muzeoj, teatroj, kinejoj, bibliotekoj, arĥivejoj estis detruitaj 160.

El 2,800 industriaj entreprenoj estis detruitaj 2,520.

Sur tiu ĉi rubejo kaj brulaĵejo komenciĝis la heroa batalo por konstrui la novan ĉefurbon de Pollando.

Sed ne nur la ĉefurbon oni devis rekonstrui. Oni devis funkciigi la industrion. Preskaŭ 50 procentoj de la fervojoj estis detruitaj. 73,000 metroj da fervojaj pontoj kuŝis kiel ferrubaĵo. Detruitaj kaj rompitaj vagonoj kaj lokomotivoj ŝtopis la fervojajn staciojn.

Jam unu jaron post la liberiĝo la fervojoj laboris pli intensive ol antaŭ la milito, malgraŭ la granda manko de vagonoj kaj lokomotivoj.

Samtempe ekfunkciis la industrio. Rapide kreskis la ferfanda, metala, lana, ĥemia industrioj. Oni funkciigis ĉiam pli da novaj industriaj entreprenoj. La ŝtato pligrandigis la produktadon de artaj sterkoj, importis el eksterlando pli ol 200,000 ĉevalojn, brutojn kaj maŝinojn.

Al Pollando revenis la okcidentaj terenoj, sur kiuj troviĝis detruitaj urboj, grandegaj nekulturitaj surfacoj, ruinigitaj fabrikoj kaj fandejoj, subakvigitaj minejoj.

Nun sur la okcidentajn terenojn oni translokigis preskaŭ 6 milionojn da homoj, kiuj ricevis teron, loĝejojn, laboron. Nun la rekonstruita industrio de la okcidentaj terenoj donas al la lando pli ol 30 procentojn de la ĝenerala karbproduktado, 25 procentojn de la produktado de kruda ŝtalo, pli ol 80 procentojn de la vagonproduktado ktp.

Preskaŭ tute estas likviditaj la nekulturitaj terenoj.

Estas rekonstruitaj la polaj havenoj ĉe la Balta Maro. Gdansk, Gdynia, Szczecin, Kolobrzeg, Ustka brue bolas per plenvivo.

La reakiritaj terenoj kunfandiĝis kun la Patrintero kaj fariĝis organa konsistparto de Popola Pollando.

La disvolviĝon de Popola Pollando sur la ekonomiaj kaj sociaj-politikaj kampoj akompanas la procedoj de maturiĝo de la kultura revolucio. Klerigado kaj scienco, literaturo kaj arto ĉesis esti privilegio de riĉuloj kaj apartenaĵoj de nemultnombraj edukitaj homgrupoj.

La kulturo fariĝas posedaĵo de la tuta laboranta popolo.

En Popola Pollando studas en diversspecaj altlernejoj preskaŭ trioble pli da gestudentoj ol en la antaŭmilita Pollando. El tio granda procento estas laboristaj kaj kamparanaj infanoj.

La ĉiutaga kaj perioda gazetaro, sciencaj kaj beletraj libroj, lernejaj lernolibroj atingas milionajn eldonnombrojn, neniam renkontitajn en antaŭmilita Pollando.

Tre kreskis la nombro de la kluboj, domoj de kulturo, klubaj artistaj trupoj.

La laboristajn libertempejojn uzas nun centmiloj da laboristoj, fizikaj kaj menslaborantaj.

Tre grandan signifon havis la okazinta en la pasinta jaro en Wroclaw Tutmonda Kongreso de Intelektuloj por Defendi la Pacon. Tiu ĉi Kongreso estis potenca demonstracio de la plej eminentaj homoj de la kulturo el la tuta mondo por la pacdefendo. La kreita dum la Kongreso en Wroclaw konstanta Komitato de Intelektuloj por defendi la Pacon fariĝis iniciatinto de la ĉi jara Kongreso de la Pacdefendantoj en Parizo kaj Praha. La pola delegitaro, konsistanta el homoj de la sci-

# Kvin jaroj da libera Bulgario

Antaŭ 5 jaroj, la 9-an de Septembro 1944 la bulgara laborula popolo sub la standardo de la Patrolanda Fronto kaj ĉe la gvido de la Bulgara Komunista Partio renversis la regadon de la monarko-faŝistoj kaj prenis en siaj manoj la regadon de la lando. Tiamaniere la longaj luktoj de la bulgara popolo kontraŭ la monarkio, kontraŭ la imperiismaj militoj, kontraŭ la putranta kapitalisma sistemo estis kronita de la plena venko de la popolo super ties malamikoj. Antaŭ la grandega plimulto de la popolo malfermiĝis la vojo por la konstruo de la socialismo en nia lando.

Malgraŭ la fortega kontraŭstaro de la reakculoj, estis efektivigitaj gravaj revoluciaj reformoj, aliigintaj kaj ĉiutage aliigantaj la aspekton de nia lando.

Estis realigita la nacionalizo de la industrio, minejoj, bankoj; ĝi estis la plej grava revolucia paŝo en la ekonomio, kiu kreis la firman fundamenton por la plua evoluado de Bulgario sur la vojo de la socialismo. Per la naciigo de la industrio la popolo fariĝis posedanto de 5552 industri-entreprenoj.

Estis efektivigita la agrarreformo kaj rezulte ĉ. 1,500,000 dekaroj estis distribuitaj inter 128,825 familioj kaj estis kreitaj la unuaj ŝtataj terkulturaj mastrumoj.

Estis kreitaj 1594 terkulturaj kooperativoj kun 146583 mastrumoj kaj 5,384,583 dekaroj.

Estis formitaj 86 maŝintraktoraj stacioj.

En nia interna kaj ekstera komerco dominantan pozicion okupis la ŝtata kaj la kooperativa sektoroj, per kio estis donita bato kontraŭ la spekulaciado kaj la nigra merkato.

La bulgara laboranta popolo restarigis en rekorde mallongaj limtempoj la frakasitan kaj prirabitan dum la militjaroj naci-ekonomion. Estis sukcese plenumita la dujara popola ekonomia plano, kiu kreis la kondiĉojn por la efektivigo de la unua kvinjara plano en nia lando. Nia lando ricevis plurajn novajn fabrikojn kaj uzinojn. Estas konstruataj digoj, kiuj irigacios milionojn da dekaroj kaj provizos per elektro la industrion kaj la kamparon. Estas konstruataj ŝoseoj kaj fervojoj.

La bulgara demokrata reĝimo efektivigis serion da entreprenoj por plibonigi la vivnivelon de la laboruloj.

La senlaboreco en la industrio estis likvidita.

La rekompenco de la laboro estas iom post iom starigata sur la bazo de la socialisma principo:

„De ĉiu — laŭ liaj kapabloj, al ĉiu — laŭ lia laboro".

Estis radikale plibonigita la sociala asekurado, ampleksanta jam 3,100,000 laborulojn, el kiuj 2,500,000 terkulturistojn. Estas donata kompleta senpaga medicina subteno al la laboruloj.

Estis pligrandigitaj la zorgoj al la patrino kaj la infano. La lando nun havas multegon da sanigaj kaj porinfanaj domoj.

La klerigado estis reformita en socialisma senco kaj esis plivastigita; ĝi nun ampleksas ĉiujn laborantajn tavolojn — la tutan popoljunularon.

Ĉiuj minoritaj grupoj ĉe ni estas egalrajtaj civitanoj de nia Popola Respubliko.

Estis donita plena libereco al la popola kreado kaj ni estas atestantoj de grandioza leviĝo ĉe la laboruloj: ŝturmula movado, laborkonkurado kaj brigadismo, konstruado de fabrikoj, uzinoj kaj digoj, rompado de la malnovaj normoj de produktado estas aperajoj ĉiutagaj en nia vivo. La laboro ĉe ni fariĝis afero de honoro, braveco kaj heroeco. En nova Bulgario ĉies loko estas difinata ne de lia nomo kaj deveno, sed de lia laborado.

La hela estonteco de Bulgario estas certigita. Bulgario troviĝas firme en la tendaro de la paco, demokratio kaj socialismo, ĉe kies kapo staras la granda USSR.

La bulgara esperantistaro nun estas feliĉa, ke ĝi povas libere labori por esperanto kaj per ĝi — por sia libera socialisma patrolando. Ĝi plenumos sian devon: diskonigi eksterlande la sukcesojn atingitajn dum la kvin jaroj da libera vivado.

*O. V.*

---

enco kaj kulturo kaj laborgvidantoj ludis en ĝi aktivan rolon, enportante valoran partoprenon por la defendo de la paco.

En decembro 1948 kunvenis en Varsovio la Unuiĝa Kongreso de la Pola Unuiĝinta Laborista Partio, kiu likvidis la multjaran skismon en la pola laborista movado. Tio estis tre grava okazintaĵo en la vivo de la pola laborista klaso, konstruanta la fundamentojn de la socialismo en Pollando.

Dum la kvin jaroj plifortiĝis la pola ŝtateco. La kontraktoj pri amikeco kun Sovjet-Unio kaj kun la landoj de popola demokratio, la komercaj kontraktoj kun pli ol 30 ŝtatoj frape atestas la ĉiam pli grandan rolon de Pollando en la monda politika kaj geografia sistemo.

La festo de la 22 de julio fariĝis simbolo de la akiraĵoj de Popola Pollando. En tiu ĉi tago laboristoj kaj inĝenieroj funkciigis novajn industriajn entreprenojn, en tiu ĉi tago oni donis por publika uzado novajn vojojn kaj pontojn, en tiu ĉi tago oni enmanigis ŝtatajn premiojn por laboro kaj sciencaj esploroj.

La 22 de julio fariĝis festo de la popolo, konstruanta la socialismon, festo de ĝojo, kaj tial en tiu ĉi tago okazis tra la tuta lando multnombraj solenaĵoj kaj amuzaĵoj.

### JAPANOJ POR LA PACO

La Japana novaĵservo JIJI raportis, ke ĉe kunvenego en la fino de aprilo en Tokio, rilatanta kun la Pariza Packonferenco, delegitoj reprezentantaj la Japanan Ĝeneralan Laborfederacion, la Nacian Konferencon de Industriaj Metiunuiĝoj, kaj diversaj terkulturaj, kooperaj, studentaj kaj kulturorganizoj, kun aneco de pli ol 12 milionoj, unuanime akceptis rezolucion:

*Sendi al organizoj alilandaj esperanto-tradukojn de pac-principaro, kiu inkluzivu postulojn pri faro de packontrakto kun Japanio, ankaŭ esprimon de kontraŭeco al partopreno de Japanio en kiu ajn milito aŭ militalianco.*

La amas-kunvenego, kiun prezidis prof. Ikuo Oojama, de Waseda Univ. (Tokio) kaj Nord-okcidenta Univ., Evanstown (Ill.), Usono, elektis komitaton por fari tutnacian kampanjon por defendi la pacon, kaj interalie kolekti 50 milionojn da nomskriboj favore al la pac-principaro.

Samtempe mesaĝo el Praha diras, ke mil delegitoj de la Pariza Packonferenco alestos Orientazian kongreson porpacan en Tokio ĉi-jare.

# Ĉehoslovakio konstruas la fundamenton de la socialismo

Post la venko super la faŝismaj armeoj fare de la alianca militistaro, ĉiuj kunhelpantoj de Hitler kaj de la kapitalistoj perdis sian pozicion kaj influon en la registaro. Instaliĝis ĉi tie la nacia fronto, kiu kunigas ĉiujn partiojn kaj koncentrigas sian agadon al la socialismo. La registaran taskon partoprenas ankaŭ nekomunistoj.

La altigo de la produktfortoj en la landoj de nova popola demokratio kondukas al bonfarto, kaj ne al krizoj kaj senokupeco. Daŭras la instruado de talentitaj gelaboristoj en la plej progresiva mondkoncepto, en la spirito de la dialektika materialismo por eduki kaj kapabligi ilin al ŝtatadministra tasko.

Nia nuna tasko estas perfektigi ĉiujn produktilojn por garantii al ni la sukceson de la planita ekonomio tiel, kiel ĝi estis skizita en la kvinjarplano. La malkaŝado de la laborfortrezervoj apartenas al nia grava tasko, kaj tiujn rezervojn ni akiras el la vicoj de privataj metiistoj.

Nia du- kaj kvinjarplano kaj entute nia ekonomia evoluo garantiis al nia metiistaro sufiĉan laboron; malaperis la bankrotoj de entreprenoj. Por prilumigi la tuton, jen fragmentoj el la financfaka progreso kiel ĝin prezentas Dro. Jar. Dolansky. Merite de la laborista klaso estis plenumita la tasko, skizita en la dujarplano. La industri-produktado superis per 10°/₀ la antaŭmilitan. La industriprodukta registro notas jenajn rezultojn. La industriaj produktoj atingis en novembro 1948 111·7°/₀, kontraŭ 77·4°/₀ en januaro 1947. La indekso pri okupiteco en la sama monato estas 107·7°/₀ kontraŭ 94·3°/₀ en januaro 1947. La indekso pri la produktkapablo de la laboro estas 103·79°/₀ kontraŭ 82·1°/₀ en januaro 1047. Malkontentiga estis la pasintjara rikolto, sed la ĉi-jara rikolto en la regiono de Brno estis super nia atendo kiel pruvas la oficialaj enskriboj.

La sekaj sezonoj 1947 kaj 1948 malfavore influis la staton de brutaro kaj kaŭzis reagon en la popolprovizado. Evidentas, ke en la distribua ekonomio, kiam ankoraŭ ne estis atingita tia evoluoŝtupo de la produktfortoj, kiu permesus al ni dividi la produktojn laŭ la bezonoj, necesas dividi la produktojn laŭ la kvanto kaj kvalito de la liverita laboro por ilia pretigado, kiu sin esprimas en la leĝo pri la valoro. Praktikata estas la afero tiel, ke laboristo, kiu havas grandan laborrezulton, konsekvence altan salajron, povas sur la limigita merkato aĉeti egalan porcion kiel laboristo kun proporcia laborrezulto kaj ekvivalenta salajro. La superfluon el la alta salajro eblas elspezi en la libera merkato. Ekzemple se vesto kostas en la limigita komerco 2000 kĉs, kostas ĝi en la libera komerco 4000 kĉs. Tiamaniere la mono kiun antaŭe enpoŝigis la spekulaciistoj sur la nigra merkato, fluas nun en formo de komuna imposto en la ŝtatkason, de tie ĝi estas uzata por la financigo de la kvinjarplano, por la disvolvado de nia ekonomio, kaj ree por la bonfarto de la laboristaro. Nia prezidanto Klement Gottwald diris: „Nia naciigita industrio devas produkti pli multe, pli bone kaj pli malmultekoste ol tion kapablis la kapitalistoj. La samo valoras pri la konstrua, transporta, financa kaj komerca fakoj. Ni ne povas permesi al ni eljunĝiĝi, eĉ ne por momento. Mokridu nin niaj malamikoj hejme, eĉ tiuj translime, ke ni daŭre ŝturmulas, laborkonkuras, kaj brigadas, ili lasos la mokadon, ĉar eĉ tie valoras la sentenco: kiu ridas laste, ridas plej bone".



Estro de la Lokomotiv-remizo estas la laboristo JAN HUSTY, tre bona, meritoplena homo, batalanto pro la vero de laborista klaso.

La ĉi-jara rikolto estas riĉa tiel, ke ni esperas en nelonga tempo likvidi la limigitan vendon de pano kaj magazeni rezervporcion por la eventualaj sekaj sezonoj. Estis organizitaj grandaj porkograsigejoj. Regiono Brno havas la taskon grasnutri 35,000 porkojn. La rearbarigo estis planita por 1444 ha, plenumita sur 1954 ha. La arbarigo de senarbaraj platajoj estis plenumita 289°/₀ de la planita tasko. „Tian laboron mi konsideras grava por la paco, kaj ĝi estas nia vojo al la socialismo", diris prezidanto Gottwald. Kaj ni kredas ke nia honesta batalo alportos venkon kaj progreson al la laborista klaso. Ni ne plu teoriumas, sed praktikas socialismajn ideojn, kaj tie ofte necesas devii de la neefektivigeblaj aferoj provizore kaj realigi tiujn, kiuj ne toleras prokraston. Unu tia afero estas la popola provizado. Kiel ajn diverslande oni kritikas nian registaron, ĝi estas tia, kian ĝin konsistigas la civitana komunumo. Certe plej bone tion konfirmas la vortoj de la ŝtata prezidanto: „En tiu ĉi ŝtato ni disvastigis kaj plifirmigis la laboristan potencon frunte de la laborista klaso. Ni sekurigis la akirajojn de la popolo de interne kaj de ekstere, profundigis nian popoldemokratan ordon kaj ekiris la vojon al la plua evoluoŝtupo de la socialismo".

*Slavik Hubert*, Praha

---



Jar. Slavík, juna ministo



Nadêzda Voborníková, lernantino de keramika art-lernejo. Ŝi volas studi ĥemion



Aliaj labor-ŝturmuloj el tiu sama fabriko kiel Randík kaj Dvorák



Ni laboras, ni konstruas, ni iras antaŭen



Labor-ŝturmulo Randík ricevis biciklon Manet



Labor-ŝturmulo Dvorák ricevis radio aparaton

# LA VIVO EN RUMANIO

*(Okaze de la 5-jara libera ekzistado de la Popola Respubliko Rumanio)*

Verŝajne ĉiun eksterlandan amikon de la Rumana Popola Respubliko interesas, kiel oni vivas ĉe ni. Oni scias ke la vojon al la socialismo ni ne iras samtempe kaj simile al la aliaj popoloj, kiuj liberiĝis de sub la kapitalista ekspluatado per la helpo de la glorplena Ruĝa Armeo.

Nia lando transiris historiajn fazojn depost la tago de 23 de aŭgusto 1944 — tago, kiam ĝi forlasis la kontraŭsovjetan kampon kaj fariĝis unu el la plej agema kunhelpanto de USSR dum la bataloj, kiuj sekvis tiun ĉi daton ĝis la militfino.

La 6-a de marto 1945, kiam la registaro fariĝis demokrata sub la gvido de d-ro Petru Groza, la 15. aŭgusto 1947, kiam okazis la mon-reformo likvidinta la teruran inflacion, la 11. junio 1948 — la tago de socializado de la ĉefaj produktiloj (industrio, minoj, bankoj, asekur-societoj ktp.) kaj aliaj gravaj ŝanĝoj markis la vojon, kiun ni travivas ĉiutage forigante la mizeron restintan kaj konstante levante la vivnivelon socian, kulturan kaj ekonomian de la larĝaj laboristaj tavoloj.

Oni povus rajte demandi: „Kiel vi vivas, rumanaj laboristaj kamaradoj?" La respondo decas esti sincera, nekovrante la momentajn malhelpojn, kiujn ni preterpasos konstruante la socialismon en nia lando.

Mi volas komenci mian raporton el vidpunko de fremda vizitanto, kiu eniras subite nian urbon — la duan de nia lando — nome Cluj, kun siaj 120,000 enloĝantoj — kaj jen kion li vidas.

La vivo pulsas, la magazenoj estas plenaj de ĉiuj varoj, nutraĵoj; ni pruvas, ke ni povas vivi ankaŭ sen kapitalistoj. La ĉi-jara rikolto de fruktoj kaj legomoj estas abunda, la prezoj konstante falas. La ŝtata komerco, kiu organiziĝas en ĉiu fako de la ekonomia vivo, eble en la nutrajproviza sektoro fariĝis la plej populara. La provizado de la grandurboj, la bona prezo-politiko helpis, ke la laboristoj povas fine aĉeti bone, multon kaj malkare. La forigo de la spekulacio, artefarita subteno de altaj prezoj estas for. En ĉiu strato de la urbocentro, kaj en ĉiuj antaŭurboj la fruktomagazenoj ŝtataj donas klaran bildon, kion oni konsumas nunjare. Pasintjare pro frosto la fruktoj estis malmultaj, ilia prezo ne pagebla por la laboristoj. Nun ĉio ŝanĝiĝis, persikoj kostas 10 kr., terpomoj 2 kr., merizoj estis 15 kr., la plej bona kvalito de belaj ĉerizoj kostis 10-15 kr. po kg. ktp.

Por la fundamentaj nutraĵoj ni havas ankoraŭ raciojn, kiuj tamen sufiĉas, kaj ili kostas tre malmulton. Por la pano ni pagas 5 kr., sukero kostas 23 kr., makaronioj 14 kr. ktp. Apud la racioj oni povas aĉeti libere kiom oni volas panon, bakaĵojn, sukeron, farunojn ktp. Plejbonkvalita sapo abundas, plenaj estas ankaŭ la tekstilajbutikoj. Ĉiu laboristo havas vestaĵo-kartojn, ebligantajn aĉeti teksfilaĵojn kaj ŝuojn.

La laborebleco kreskas ĉiutage. Oni treege serĉas faklaboristojn, ĉar la produktado kreskas, novaj fabrikoj estas kreataj, kaj la ĉefatento estas direktita al la bonkvalita produktado. Mankas ankaŭ librotenistoj, kiuj estas tre serĉataj. Por levo de la metia nivelo oni organizas en ĉiuj fabrikoj, pli grandaj urboj, specialajn, perfektigajn kursojn por laborist-majstroj, librotenistoj ktp. La unua jaro de la lernej-reformo montris la neceson de enkonduko de ĉiuspecaj teknik-fakaj mezlernejoj. Apud la plej gravaj industrioj ekzistas metilernejoj, fontoj de l'morgaŭaj laboristaj generacioj, kiuj scios pli ol iliaj gepatroj.

Oni devas konstati, ke nun oni lernas pli multnombre ol antaŭe, per la malfermo de la lernejaj pordoj, amasoj eniras, kiuj havis en la antaŭaj jaroj la vojon barita. Vesperaj laboristaj liceoj funkcias, la kunloĝantaj nacioj havas apartan lernej-organizadon. Ekzistas apud la rumanaj universitatoj hungaraj ankaŭ, mezlernejoj klasikaj, teoriaj kaj fakaj en rumana kaj ankaŭ en hungara kaj germana lingvoj. Popollernejoj (la devigaj 7 klasoj) ekzistas en ĉiuj lingvoj parolataj pli-malpli en la Popola Respubliko Rumanio: rumana, hungara, germana, slovaka, ĉeĥa, pola, greka, juda, rusa, ukraina, turka, armena ktp.

Estis speciala sensacio, kiam oni vidis en la montrofenestro de librovendejo la larĝan skalon de abocolibroj eldonitaj de la Ŝtata Eldonejo en ĉi-tiuj lingvoj.

Oni konscias, ke dum la jardekoj de faŝista regado oni misedukis la junularon, la hodiaŭajn mezaĝulojn. La oficiala gvido zorgas, ke oni donu veran civitanan edukon al ĉiuj lojalaj ŝtatanoj, precipe al la germanoj, kiuj estis ankaŭ en nia lando vojpreparantoj de la hitlera kanibalismo. La germana centra presorgano de la kontraŭfaŝista germana komitato Der Neue Weg (La nova vojo) celas montri vere la novan vojon al tiu popolo, kies kondukantoj kaŭzis la teruran kataklismon pli-malpli travivitan de ĉiuj popoloj de la kontinento.

La librovendejoj estas luksaj, la kulturo ne devas jam forkaŝiĝi. La ŝtata eldonejo, la eldonejo de la Rumana Laborista Partio kaj aliaj zorgas pri serioza, ideologia, scienca, literatura, junulara ktp. materioj. La tradukoj el fremdaj lingvoj abundas apud la originalaj verkoj.

Leĝo prizorgas pri la verkistoj, sciencistoj artistoj, zorgas pri ili libera kreado. La artoj floras, apud la rumanaj ŝtataj teatroj, kiujn oni organizis denove en multaj grandurboj, ekzistas ŝtata hungara kaj juda teatroj (la dua en la mondo apud Moskvo). La laboristaj teatro, danco- kaj kanto-ekipoj estas disvastigitaj. Oni starigis akademiojn por la belartoj en kvin urboj. La akademio en Cluj, urbo kun certa hungara loĝantaro, havas ankaŭ hungaran fakon kun teatra arto, figuraj artoj (skulptado, pentrado, grafiko), ĥoreografio.

Pere de la reorganizo de la juĝistaro oni enkondukis laikajn juĝistojn apud la karieraj. La plej bonaj gefiloj de la laborista klaso sekvas nun jurajn kursojn por povi apliki la leĝon en la intereso de la nacio.

La malĝojaj rememoroj pri la ĝendarmoj kaj policistoj estas for. La popoldemokratio havas sian milicon en urboj kaj vilaĝoj. La simpatiaj bluaj uniformoj donas fidon al la civitanoj, ke ili havas nun amikojn, kiuj gardas la publikajn aferojn... kontraŭe al la hieraŭaj figuroj, kiuj nur malamike kondutis rilate al la larĝaj amasoj.

La komerco estas jam preskaŭ ŝtata. Apenaŭ oni trovas etan butikon de sensignifa rango. Ekzistas ankoraŭ forta kooperativa movado.

En la kamparana sektoro la organizado de la kooperativoj agrikulturaj formas problemon aktualan. Nova leĝo de la agraraj impostoj donas dujaran absolvon de la impost-pagado por ili. La bien-reformo komencita en 1945 estis finita la 1. 3. 1949, kiam la resto de la iamaj bienposedantoj estis eksproprigita. Oni kreis sam-

# Kiel ni sovjetaj ministoj ripozas

En la pitoreska Submoskva regiono, ne malproksime de la urbo Krasnaja Pahra, estas situita unu el la ripozdomoj de la ministoj de la Sovjet-Unio.

Meze de densa pi arbaro leviĝas belega antikva konstruajo. Antaŭ multaj jaroj ĝi apartenis al grafo Ŝeremetjov, riĉa reĝa aristokrato.

Post la Granda Oktobra Socialista Revolucio la grafa bieno estis aliformita al ripozdomo. Nun en ĝi ripozas la ministoj kaj la oficistoj de la ŝtonkarba industrio. Ili venas ĉi tien el la Submoskva ŝtonkarba baseno, el Donbas, Kuzbas, Karaganda. Pli ol tricent personoj ripozas ĉiumonate en tiu ĉi domo.

La Ministerio de la Ŝtonkarba Industrio zorgis, ke la ripozdomo donu ĉiujn kondiĉojn por agrabla ripozo kaj sukcesa kuracado de la ministoj. Tie ĉi estas spertaj kuracistoj kaj specialaj kuracekabinetoj: por fizioterapio, hidroterapio, elektroterapio, Röntgen-esploroj, stomatologio. La ripozantoj troviĝas sub konstanta medicina observo.

La ripozejo posedas sian grandan mastrumon: porkobredejon, birdfarmon, oranĝerion. Dum la tuta jaro la ripozantoj ricevas freŝajn fruktojn. En la sanatorio oni alportas bonegan komunan kaj specialan dietan nutrajon.

Neniam estas enue en la ripozejo. Oni povas legi bonegan libron — en dispono de la ministoj staras granda biblioteko. La tempon oni povas pasigi agrable ankaŭ sur la lago: promenante per boatoj, kaptante fiŝojn. La amatoroj de la sporto havas eblecon ludi volejbalon, tenison, korbopilkon, kroketon k. a. Multaj el ili enlogiĝas en promenoj tra la arbaro: jam frumatene ili iras serĉi fragojn, frambojn kaj fungojn.

Ĉiun vesperon en la klubejo oni projekcias novajn filmojn, aranĝas koncertojn kun la partopreno de moskvaj artistoj. Kaj la ripozantoj mem ankaŭ organizas amatorajn koncertojn.

Ĉiu ministo, pasinta en tiu ĉi ripozdomo, restas kontenta pri sia ripozo. En la libro por la impresoj de la forveturantoj estas varmaj notoj. Ili dankas al la Sovjeta Registaro, ke ĝi donis al ili eblecon bone ripozi kaj fortigi ilian sanon.

*A. Viktorov*

*Instruista kolono*

# Spertoj de instruisto

*„Hungara Esperantisto"*. № 1, kvara jaro, presigas artikolon „Spertoj en la lerneja instruado" de Alfonz Perchan.

En la komenco de sia artikolo la aŭtoro sciigas, ke li instruas esperanton tri jarojn en sia lernejo. Li diras: „Ĉiujare 35—40 lernantojn mi havas el la superaj kvar klasoj de la gimnazio, nunjare jam ankaŭ kelkajn el la 8-a klaso de la ĝenerallernejo. En la gimnazio esperanto estas instruebla en la kadro de la junularaj, memperfektigaj rondoj".

Plue la aŭtoro atentigas, „ke dum la aliajn eksterordinarajn kursojn rajtas partopreni nur tiuj, kies lerneja *ĝenerala prospero* estas pli bona ol 3, la esperantan kurson povas partopreni ankaŭ tiuj, kies ĝenerala prospero estas nur *kontentiga*, do klasifiko 3.

Kion li faris por varbi la infanojn por esperanto?

„En la unua jaro — daŭrigas la aŭtoro — intencante aranĝi nur unu kurson, mi faris malgrandan konigon nur en la klaso, kies klasestro mi estas. En alia klaso jam la lernantoj mem petis min, ke mi konigu ankaŭ al ili la aferon. Tiu ĉi konigo rezultigis duan kurson".

Dum la instruado s-ro Pechan rimarkis, ke la lernantoj precipe interesiĝas pri la propraj spertoj de la instruisto — do pri la praktika uzado de esperanto en la ĉiutaga vivo. Kaj li asertas, ke aludo pri ĝea korespondado, rakonto pri travivaĵoj en eksterlando, pri servoj de la delegitoj de UEA kaj pri la facileco de la lingvo efikas pli bone ol la grandaj afiŝoj.

La aŭtoro konkludas: „Troviĝas jam pli ol cent geinstruistoj en la lando, kiuj estus povintaj aranĝi kurantjare kursojn, sed faris tion eble eĉ ne dek! Kial, karaj gekolegoj? Vi vidas viajn potencialajn avantaĝojn, vi eluzu ilin nepre dum la venonta jaro! Ne timu, ke vi ankoraŭ ne estas lertaj aŭ perfektaj esperantistoj! Vi devos eluzi la eblecon, ĉar la eksterlernejaj instruistoj havas multajn malfacilaĵojn, kiuj ofte faras por ili tre malfacila aŭ eĉ neebla la kursgvidon".

---

tempe grandajn ŝtatajn bienojn, modelojn de terkulturo. Ilia funkciado jam montriĝas per la grandaj amasoj da fruktoj, legomoj kaj aliaj terproduktoj liveritaj al la ŝtataj komercaj organismoj.

Transsilvanio estis ĉiam paca insulo de la religioj, ĝis kiam la hitlera frenezo ne alportis la malamon. Malgraŭ la malamika propagando de la reakciuloj, oni libere povas konfesi sian kredon, la preĝejoj estas plenaj, kaj la ses pli grandaj religioj libere funkcias. La grekoortodoksuloj, romano-katolikoj, reformistoj, evangelistoj, unitarianoj kaj hebreoj havas belajn preĝejojn kaj libere povas funkcii.

En la ekonomia vivo la sola grava problemo estas la unua Ŝtata Plano. La unua duonjaro jam montris ĝian sukcesplenan realizadon. La socialisma konkurado fariĝis tre populara en ĉiuj metioj, kaj tiu ĉi helpas al la realizado kaj superplenumo de la donitaj celoj. Kompare al 1948 la ĉi-jara plano celas ĝeneralan leviĝon 40 %-an. La akcento estas sur la peza industrio kaj minejoj, kiuj helpos la evoluantan industriiĝon de la lando, kion ankaŭ celas la gigantaj investicioj.

La vilaĝoj estis dum la pasinta sistemo duoninfanoj de la nacio. La diversaj partioj, kiuj sin nomis pompe „kamparanaj" post la elektoj forgesis siajn promesojn. La popoldemokratio enkondukas elektran lumon, starigas lernejojn ĉie, la sanitara organizo de la vilaĝoj estas sur bona vojo, la analfabetismon oni kontraŭbatalas per konstantaj kursoj organizitaj, oni ja devas refari kion misfaris la antaŭaj jarcentoj.

Je la 1. 2. 1949 estis enkondukita nova salajro-sistemo por ĉiuj laborantoj fizikaj kaj intelektaj de la lando. La principo de pago laŭ kvanto kaj kvalito alportis al la plejmulto pli altan gajneblecon, kaj pere de tiu seriozan leviĝon de la ekonomia nivelo. La falo de prezoj, kiu estas konstanta, la bonaj kantinoj apud ĉiuj fabrikoj, ŝtataj institucioj kaj organizacioj donas valoron al la salajro.

Finante mian simplan kronikon, mi esperas, ke baldaŭ mi povos doni informojn pri alispecaj progresoj en la vivo de la laboristoj en nia lando, la libera Popola Respubliko Rumanio.

*Ernesto Schlesinger*, Cluj

## Pri la studrondoj

„Norvega Esperantisto", № 4, 25-a jarkolekto, presigas interesan artikolon „Preparu vin por instruado".

En la komenco de sia artikolo la aŭtoro opinias, ke „eble ŝajnas al vi strange ke mi pritraktas la instruadon kiam ni estas en la fino de studsezono. Estus pli konvene paroli pri someraj vojaĝoj kaj restadoj nun, sed post la somero venos nova studsezono pri kiu ne estas tro frue paroli".

Vere estas, ke la fino de la studsezono, nome la fino de la printempo kaj la komenco de la somero estas la plej taŭga tempo por pristudi kaj plani la estontan agadon. Tiam ni devas pritaksi la iritan vojon kaj plani la taskojn, kiujn ni devos plenumi en la venonta jaro.

La aŭtoro de la artikolo daŭrigas:

„Ankoraŭ restas nesolvita la instruista problemo, tio estas la manko de esperanto-instruistoj en Norvegio. La estraro de Norvega Esperanta Ligo ne sukcesas trovi kapablan kaj volan instruiston enlande aŭ eksterlande, sed ni esperu ke ĝis la nova studsezono la problemo estos solvita. Fine ni ekhavis la korespondan kurson kaj ĝi certe fariĝis nia savilo. Sed se ni volas havi veran progreson en la nombro de la esperanto-studantoj, necesas aranĝi publikajn kursojn".

Ni devas rekoni kaj konfesi, ke la „instruista problemo" estas ne nur norvega, ke ĝi estas ankaŭ bulgara. Ni nepre devas solvi ĝin ĉar de ĝia ĝusta solvo dependas la plua disvolviĝo de la esperanto-movado en nia lando. Kiel ni povus solvi ĝin ? Ni vidu kiajn rimedojn rekomendas la aŭtoro de la artikolo:

„Ni disvastigu esperanton per la instruistoj, kaj ni fortigu la ekzistantajn esperantoklubojn per iliaj propraj membroj. Mi volas mencii klubon, kiu solvis la instruistan problemon per siaj klubanoj kaj tiel sukcesas kreskigi la membronombron 25 procentojn ĉiujare. Temas pri la Esperanto-klubo de Bergen. Tiu klubo kun 42 membroj havas ĉiun aŭtunon publikan kurson kaj krome studrondojn por komencantoj kaj daŭrigantoj. En la fino de ĉi tiu studsezono 26 komencantoj kaj 12 daŭrigantoj partoprenas en studrondoj".

La aŭtoro de la artikolo konkludas:

„En kursoj oni povas kalkuli ke nur 75 procentoj daŭrigas ĝis la fino, sed en studrondoj estas facile atingi 100 procentojn. Estas ankaŭ grave ke oni povas en studrondo kun 5 ĝis 10 partoprenantoj pli bone instrui ol en kurso kun 30 partoprenantoj. Nia sperto estas ke studrondo estas pli bona ol kurso kiam temas pri la varbado de novaj esperantistoj. Kompreneble studrondoj postulas pli multajn instruantojn, sed ankaŭ ili lernas per la instruado".

La demando pri la studrondoj estas interesa. Ni ankaŭ devas pridiskuti la temon kaj decidi ĉu ni devas kaj povas apliki kaj fari la sperton de niaj gesamideanoj el Bergen. Instruistoj kaj kursgvidintoj bonvolu diri sian opinion.

La sveda registaro ankaŭ ĉi-jare proponis al la Parlamento la aprobon por elspezo de subvencio de 5000 kronoj por esperanto-kursoj por instruistoj.

---

### *Internacia trinkaĵo*

Oni diras ke la patrolando de la kafo estas Arabio. Neniu alia lando konis ĉi tiun frukton antaŭ la 15-a jarcento. S-ro Gamal El-din, muftio el Adeno, ekkonis la valoron de tiu ĉi luksa frukto.

En la jaro 1534 la kafo atingis Konstantinopolon; ĝi migris al Italio, Francio, Anglio kaj fine en 1670 al Germanio.

La unua germana kafejo estis malfermita en 1721 en Berlino, kie nur la plejeminentuloj povis trinki la luksan trinkaĵon.

En 1650 la nederlandanoj transplantis la kafon el Meko al Javo. Ankaŭ la angloj komencis la kulturadon en Cejlono kaj en la Brita Hindio.

Ĝi venis poste al Martiniko, de tie al francaj kolonioj kaj diskoniĝis rapide, precipe en St. Domingo kaj Gvadelupo.

Kubo kaj Ĵamajko fariĝis la granda centro de kafeksporto. Intertempe, la brazilaj plantistoj trovis fekundan teron por ĝi en St. Paŭlo.

Santos fariĝis la plej grava haveno de la mondo. Jam en 1850 Brazilo eksportis tricent milionojn da kgr. da kafo.

Svedio konsumas la maksimuman kvanton da kafo; tie oni konsumas jare ok kilogramojn da kafo po persono.

El „La Egipta Esperantisto" № 19, majo kaj junio 1949.

## ESPERANTO EN ĈEĤOSLOVAKAJ LERNEJOJ

La cirkonstancoj estas nun tre favoraj por nia movado, ĉar la ŝtataj aŭtoritatuloj mem taksas alte la valoron de la esperanto-movado kaj estas pretaj ĝin subteni. En la tuta ŝtato pulsas vigla esperantista vivo. La nova leĝo ebligas oficiale enkonduki esperanton en ĉiuj ĉeĥoslovakaj lernejoj.

Dum la pasinta lernjaro esperanto estis instruita en la lernejoj, kvankam ne en multaj. La cirkonstancoj estis precipe favoraj ĉe la duagradaj mezaj lernejoj. Tie laŭ la nova lerneja leĝo oni konstituis la tiel nomatajn interesrondetojn, en kies kadro oni povas ankaŭ enkonduki nian lingvon kiel lernobjekton. Pro troa ŝarĝo de la lernantoj kaj de la pedagogo oni ne sukcesis atingi ĝeneralan enkondukon de esperanto en la mezlernejoj. Laŭleĝe necesas permeso por la instruado. Instrui povas ankaŭ ĉiuj instrukapablaj ekzamenitaj esperantistoj. Oni instruis esperanton dum la pasinta lernjaro 1948/49 en 17 mezlernejoj (en Ĉeĥio 12 kun 407 gelernantoj, en Slovakio 5). Ĉe la fakaj lernejoj kaj gimnazioj esperanto estis instruita nur en interesrondetoj, escepte de unu gimnazio, kie ĝi estis instruata kiel nedeviga fako. Ĉar la studantoj ĉe tiuj lernejoj estas troŝarĝitaj, havante 36—44 instruhorojn, ne estis eble aldoni ankoraŭ du horojn. Pro tiu fakto esperanto ne estis enkondukita ĉi tien kiel ĝenerala lernobjekto, kvankam la instruado de esperanto havus precipe gravan signifon pro la tipa karaktero de tiuj ĉi lernejoj, tio ĉi precipe koncernas la komercajn lernejojn, ĉar la junularo absolvinta ilin povus uzi esperanton tre utile en sia estonta praktiko. En unu komerca akademio (en Bratislava) esperanto estis instruita de la jaro 1922. Oficiale esperanto estis instruita en la Komerca Altlernejo en Bratislava. Ankaŭ inter la gestudentoj de la filozofia fako de la Universitato en Bratislava montriĝis intereso. Krome okazis publikaj kursoj en la tuta ŝtato. La Ministerio de la Informado faris en sia cirkulero proponon pri kunlaborado de la ĉeĥoslovakaj esperantistoj kun la lernejaj konsilantaroj.

Kiel grava tasko staras ĉi tie la rasko komerce veki intereson pri esperanto inter la laboristaro. Ĉi tie bone servos niaj publikaj popolaj lernejoj, kies organiza statuto enkondukas esperanton kiel lernobjekto. Tion efektivigi en la praktiko komence de la sekvonta lernjaro kaj dum la kvinjara plano estas serioza tasko de la ĉeĥoslovakaj instruistoj-esperantistoj.

*Jarmila Faltynkova*

# Dekmiloj el 80 nacioj por paco kaj progreso

La 14-an de aŭgusto sur grandega stadiono apud la hungara ĉefurbo Budapest kolektiĝis sub flirtantaj flagoj dekmil junuloj el okdek nacioj kaj kelkdekmiloj da hungaroj, por komenci la dusemajnan junularan Mondkunvenon kaj krei amikan ligon por la paco kaj progreso. Kiam post la parada enmarŝo de la diversaj nacioj, inter ili el Azio, Afriko, el multaj kolonioj, ĉinoj, mongoloj, negroj, izraelanoj ktp. ili solene haltis, alparolis ilin la prezidanto de la Demokrata Junulara Mondligo, Guy de Boysson kun varmaj salutvortoj. „Vi venis ĉi tien tial, ke vi deklaru solene kaj per la volforto de la juna generacio, ke vi ne volas ekkoni la terurajojn de nova milito kaj ke vi gardos la pacon kontraŭ tiuj, kiuj minacas ĝin... vi kredas en pli bona estonteco, en pli justa kaj pli bela mondo, kiun vi kreos per viaj laboroj kaj unueco kune kun ĉiuj demokratoj". Poste li esprimis la opinion, ke „la voĉo de la junularo plifortigas la voĉon de ĉiuj bonintencaj homoj kaj junuloj, kiuj en paco volas dediĉi siajn laborstreĉojn al la laboro de la vivo kaj ne al la morto. La fortoj de la paco kaj de la progreso ĉiam pliiĝas". Li direktis al ĉiuj junuloj de la mondo la komunan alvokon: „Junularo unuiĝu!" Antaŭen por gaŭra paco, por demokratismo! Antaŭen por sendependeco de la popoloj, por pli bona estonto!" En la nomo de la Internacia Studenta Asocio salutis Joseph Grohmann, parolante pri la unueco inter la studanta kaj laboranta junularo. „Ili scias, ke ili povas atingi sian celon nur per pli forta kunlaboro inter la junularo kaj la vastaj popoltavoloj". František Zupka salutis en la nomo de la milionoj apartenantaj al la Sindikata Mondligo, kies forto ĉiam kreskas. Precipe li salutis la 500 rusajn ĉeestantojn, inter ili la delegitojn de la heroa rusa Komsomol, (Sovjetia Junulara Unuiĝo), kiu en milita kaj en paca konstrua laboro donas ekzemplon al la tutmonda junularo progresa. En la nomo de la hungara respubliko parolis k-do Arpad Szakasits, ŝtatprezidanto, esprimante la feliĉon de la popolo hungara, ke oni povas gastigi la mondjunularonen la per granda laboro novkonstruita ĉefurbo. „Ni deziras per la tuta varmo de nia amo, — li diris — ke tiu kunveno plifortigu la pacfronton, la internacian kunlaboron kaj la ideon de la amikeco inter la popoloj. Ili ligu ĉi tie kontrakton por konstrui novan, pacan, justan, homaman kaj liberan mondon." N. Mihajlov, sekretario de la Komsomol, diris inter alie, ke la internacia renkontiĝo estas afero ne nur de la junularo, sed ankaŭ de la progresemaj, honestaj homoj de la tuta mondo. Li promesis, ke la sovjeta junularo estos apud tiuj, kiuj batalas por la libereco de la popoloj kaj por ties sendependeco. En la nomo de la angla delegitaro Derek Lewis, deklaris, ke oni devas pliigi la batalon kontraŭ la maljustaĵoj. Ili laboros kune kun siaj fratoj en la kolonioj. Ili senmaskigos tiujn, kiuj volas profiton el la milito. Grace Tillman en la nomo de la usona junularo salutis, parolante kontraŭ la ofendo de la homaj rajtoj. La usona junularo deklaris, ke la blankaj laboristoj ne estos liberaj, ĝis la negraj laboristoj estas sklavoj. La mondo ne povas esti libera, ĝis oni subpremas la koloniajn landojn. La juna generalo de la ĉina revolucia armeo, Hsiao-Hua ĉine salutis, parolante pri la sendependeco, libereco kaj demokratismo venkanta en lia patrujo, pri la certeco de la venko. Fine en la nomo de la hungara junularo parolis György Non, prezidanto de MINSZ. Fiere li povis diri, ke „Hungarlando fariĝis la lando de la senlima ebleco por la junuloj". Dum lia parolo suprenflugis mil blankaj kolomboj por esprimi la devizon de la Festivalo: „Ni defendos la pacon"! Poste oni kantis en dekoj da lingvoj kune la kanton de la junularo. Oni marŝis kune laŭ la muziko. Laŭ gazetraporto tio estis la komuna lingvo, per kiu ili vere interkompreniĝis. Ĉiuj salutparoloj estis en alia lingvo. La revuo de la Festivalo aperis nur en kvin lingvoj.

Estis festaj kunvenoj, koncertoj, teatraj prezentadoj de la diversaj nacioj, montro de naciaj dancoj, scenoj, muziko. Ĉiuj nacioj alportis ion el sia popola kulturo. Plej artoplenaj estis la rusaj prezentadoj. Unikaj estis la mongolaj kaj de la koloniaj popoloj. Sed la plimulto ne komprenis la en kelkaj lingvoj diritajn klarigojn. Dum la festmarŝoj oni portis diversnaciajn flagojn kaj deviz-surskribojn. Hungarlanda Esperanta Societo aranĝis unusemajnan ekspozicion en la Klubo de Laboristoj, kiun vizitis el la publiko nur kelkcentoj, el la junuloj nur dekoj. Samloke estis la 14-an de aŭgusto festa kunveno je honoro de la junularo. Tion sciigis la radio kaj tial kunvenis—eĉ el la provinco—proksimume cent esperantisoj, el la junularo nur eble dek el la franca kaj belga trupoj. Ilin salutis vicprez. k-dino Boriska Szerémy, dirante, ke la junularo per esperanto kreu amikecon, kunlaboron, solidaran batalon por la paco. Multjardeka esperantista veterano, instruisto Lajos Jambor prezentis sian por tiu vespero verkitan kanton al la junularo. Sdo Janos Eschen Alag eldonis apartan gazeteton „Por Ĉiu" salutante la Festivalon en Esperanto. Plej efika estis pri uzo de esperanto la aranĝo de plej granda magazeno Gorvin. En la pordego granda tabulo montris kun flagetoj la parolantajn lingvojn. La dua estis: esperanto. Kelkaj viglaj esperantistoj alparolis la fremdulojn, serĉis ilian hejmon kaj donis al ili — el malgranda provizo — propagandilojn laŭeble en ties propra lingvo. Mi mem povis doni al afrikano, belgo, anglo, kanadano, danoj, finnoj, francoj, al iu el Pakistano, kiuj kun danko akceptis. Multaj spertis la neceson de tia facila lingvo. Alilingvaj interpretistoj plendis al mi, ke ili ne povis interkompreniĝi sufiĉe kun diverslingvanoj. La samtempe partoprenanta hungara junularo, pli ol kvindekmil el la tuta lando, povis kune sidi, promeni, marŝi kaj eble kanti, danci. Multloke sur la stratoj, placoj estis vesperaj komunaj dancoj, „stratbaloj", kiujn ankaŭ la publiko gaje partoprenis. Kelkloke estis esperanto-salutoj, ekzemple bela tabulo antaŭ tramista uzino kaj en ĉambroj de oficejoj. La 20-an de aŭgusto estis fajroludo sur la Gerhardo monto.

La junularo mondkunveno estis ĝenerale bonsukcesa granda festo, kvankam kelkaj registaroj, kiel la itala kaj hinduja ne permesis la vojaĝon al la plimulto kaj tra aliaj landoj oni ne translasis la travojaĝon. La mondfesto plifortigis la internacian solidarecon de la junularo. Kiuj povis interparoli, tiuj akiris valorajn amikajn ligojn. La gravecon de la mondjunulara demokrata ligo pruvas, ke depost 1945 la membronombro altiĝis de 30 al 60 milionoj.

Ni devas mencii la samtempe okazintan grandegan studentan olimpiadon, la junularajn sportfestojn, dum kiuj la plej multajn ĉampionecojn akiris la rusa (48), la hungara (26) kaj franca (14) sportjunularo. Aparte aranĝitan kulturkonkurson (muziko, kanto, danco) oni povus imiti ĉe niaj kulturkongresoj! Premiojn gajnis 1. Sovjetunio, 2. Bulgario, 3. Hungario. Popolkantado: 1. Rumana ĥoruso. Multaj eksterlandaj trupoj vizitis provincajn lokojn, kie ili estis feste kaj gastame akceptitaj.

La fina grandega festmarŝo antaŭ la hungara laboristgvidanto M. Rakosi, estis decida montro de la komuna pacvolo. En sia ferma entuziasmiga salutparolado Rakosi akcentis, ke la Junulara Festo de okdek nacioj montras kia forta organizo estas la junularo. Nun la junuloj mem konsciiĝis pri sia forto. La junularo povis vidi la konstruan, efikan laboron de la popoldemokratioj, precipe en Hungario, ili povis renkonti la sovjetan junularon kaj ekkoni ion el ties granda evoluo, arto, kulturo, laboro. Ĝuste en la tagoj de la Festivalo oni publikigis la novan hungaran konstitucion, kies bazo estas, ke la lando apartenas al la laborantaro kaj kiu certigas la evoluon kaj vastan apogon por la junularo. La gastoj povis vidi, ke la evoluo kaj pliboniĝanta vivo de la hungara popolo ne estas propagando, sed vero. Li alvokis, ke la junuloj hejmen disvastigu ties scion kaj mem klopodu realigi la samon en siaj patrujoj.

Fine la tuta junularo kune juris ĉiulande labori por la daŭra paco, por la pli homa, senekspluata libera vivo.

NUN estu la tasko de la hejmaj junulaj esperantistaj organizoj, societoj kaj grupoj: pli energie eklabori inter la junularo kaj prepari ilian lernadon, reciprokan korespondadon kaj vojaĝadon, la kunlaboron por paco kaj progreso!

**Paulo Balkanyi**, Budapest

---

## ESPERANTA RUBRIKO EN REVUO „NEDEL'A"

**Trenĉin (EIS)** — Slovaklingva semajna ilustrita revuo „Nedel'a" (= Dimanĉo) regule enhavas duonpaĝan esperantan rublikon „Samideano". Krom la slovaklingvaj informoj pri esperantaj okazintajoj la rubriko alportas ankaŭ esperantajn artikolojn, adresojn por korespondado ks.

Eldonantoj de la esperanto-gazetoj estas petataj sendadi interŝanĝe siajn eldonajojn por la revuo „Nedel'a". Adreso: **Nedel'a**, c/o Jan Lamaĉka, **Trenĉin**, Pod Sokolicami 1675, Ĉeĥoslovakio.

## GRAVA PRESERARO

En nia pasinta n-ro estis bedaŭrinde allasita en la recenzeto „Japana esperanta revuo agrikultura" la jena grava preseraro: nomo — leĝo, anstataŭ nomo — kulturi. Mi petas pardonon de la legantoj.

**Agro**

# Informo pri la junulara esperanto-laborbrigado „Maksim Gorkij"

Ek de la 12-a de aŭgusto 1949, ĉe la nacia laborobjekto „Dimitrovgrad" laboras nia junulara esperantista laborbrigado „Maksim Gorkij". Ĝin partoprenas dudeko da gejunuloj esperantistoj (17 knaboj kaj 2 knabinoj). Ĝin povus partopreni dekope pli multe da gejunuloj esperantistoj, sed la plimulto de la sin anoncintaj gekamaradoj, estante membroj de DSNM*) antaŭtempe estis donintaj skribpromesojn en la lokaj komitatoj de DSNM pri partopreno en la lokaj laborbrigadoj. Pro tiuj kaŭzoj ne partoprenis la brigadon 15 junesperantistoj el Targovište, 7 gejunuloj el Asenovgrad, 6 junuloj el aliaj urboj kaj vilaĝoj. Tre grava kaŭzo estis ankaŭ la cirkonstanco, ke la Junulara Fako ĉe B. E. Asocio tro malfrue dissendis sian cirkuleron pri la esperantista laborbrigado kaj ne sufiĉe vigle agitis por la brigado. La malfrua dissendo de la cirkulero estas kaŭzo, ke la kamaradoj el Varna ne povis ion ajn fari. Alie, la gesamideanoj de societo „Albatro" estus povinta varbi almenaŭ 20 gebrigadistojn. La brigadon ne partoprenis ankaŭ la 70 kamaradoj el la Jiitimana Kooperativa Gimnazio kaj multe da aliaj gekamaradoj el la lando.

Dank'al la publikigita artikolo pri la brigado en nia gazeto „Internacia Kulturo", la intereso pri la junulara esperanto-laborbrigado estis tre granda. En la Junulara Fako estis ricevitaj multe da leteroj ne nur el Bulgario, sed ankaŭ el Ĉeĥoslovakio, Germanio (el la rusa zono kaj el la okcidenta zono), Finnlando kaj eĉ el malproksima demokrata Ĉinio de Mao-cze-Dung. Kamarado Jung-Sen Jang el Ĉunking skribis: „Mi estas 21-jaraĝa, bankoficisto. Mi tre interesiĝas pri Bulgario kaj deziras viziti ĝin kaj ĝin helpi konstrui sur la ruinoj postmilitaj. Bonvolu tuj diri al mi kielmaniere mi povus veni vian landon. Kun granda ĝojo mi turnas min al vi kun peto, ke vi helpu min aliĝi al la laborbrigado en via lando".

Similenhavaj estas ankaŭ la leteroj el Finnlando, Germanio, Ĉeĥoslovakio, ktp. Bedaŭrinde, pro kaŭzoj nedependantaj de ni ĉi-jare nian brigadon ne partoprenis fremduloj.

La partoprenantoj en la brigado „Maksim Gorkij", laboris tre entuziasmigite kaj la rezultoj ĝis la dato 3. VIII, kiam ni ricevis la lastan leteron de Dimitrovgrad, havas jenajn rezultojn:

13. VII la unua labortago, la rezulto estas 105%.
14. VII — 103%
15. VII — 112%
16. VII — 114%
17. VII — 145%

La 15-an de julio la grupo „Spartako", kiu konsistas el la gekamaradoj Petro Ĉervenski el Sofio, Rajna Stojĉeva el Rakovski kaj Ĥristo Bošnakov el Tirnovo ricevis specialan laŭdon flanke de la gvidantaro de la tuta tendaro. Apartajn laŭdojn ricevis: k-do Ĥristo Vuĉkov el Sofio, Ĥristo Bošnakov kaj Aleksandro Aleksandrov el Tirnovo, Ivan Markovski el Loveĉ kaj Petro Ĉervenkov el Ruse.

Tiaj estis la unuaj rezultoj. Tagon post tago la esperanto-brigadistoj plibonigadis sian spertecon kaj kompreneble la rezultojn mem. En sia letero de la 3-a de aŭgusto, la komandanto de la esperanto-laborbrigado — k-do Petro Ĉervenski, skribis: „Mi skribis al vi jenan leteron sub la ombro de du tendaraj standardoj — la standardo de la *taĉmento-venkinto* kaj la standardo de la *grupo-venkinto*, kiuj ĉi vespere estas en niaj manoj. Post tre longa kaj tre obstina batalo kaj konkurado, ni gajnis ilin. Jen la faktoj mem: Grupo „Goŝo Vodeniĉarov", kiu konsistas de la kamaradoj Geno Genov, Aleksandro Aleksandrov, Kanĉo Stajkov, Stoil Ganev kaj Atanas Atanasov hodiaŭ atingis la rezulton 540% super la normo kaj okupis la unuan lokon en la tuta tendaro!

La grupoj „Bolŝeviko" kaj „Morozov", kiuj hodiaŭ laboris kune, atingis la rezulton 242%, malgraŭ ke hodiaŭ ili laboris ĉe tre malfacila laborobjekto.

La grupo „Zamenhof" okupas la trian lokon, havante la rezulton 225%.

Plej bone laboras la grupo „Bolŝeviko"

La esperanto-laborbrigado „Maksim Gorkij" konkuras kun la ceteraj 10 neesperantistaj brigadoj. Morgaŭ ni laboros ankoraŭ pli entuziasme, por ke ni nepre ne perdu la unuan lokon kaj la standardojn!"

Do, la kamaradoj partoprenantoj en la esperanto-laborbrigado „Maksim Gorkij" entuziasme laboras kaj kun la bonegaj rezultoj, kun siaj venkoj defendas nian movadon, kontribuas por esperanto kaj por la pli baldaŭa konstruo de la nova junulara socialista urbo *Dimitrovgrad* kaj samtempe por la konstruo de la socialismo en nia lando.

Vivu nia heroa junularo!

Eternan gloron al lia majstro kaj inspirinto, la senmorta Georgi Dimitrov!

Vivu la gvidanta, la heroa Bulgara Komunista Partio!

Vivu k-do Vasil Kolarov — nia ministro-prezidanto, la plej bona kamarado kaj kunbatalinto de G. Dimitrov!

Vivu la Patrolanda Fronto!

Vivu nia laborema bulgara popolo kaj nia Popola Respubliko!

18. VIII. 1949.

P. S. La finajn rezultojn kaj informon pri la organiza kaj kulturkleriga agado de la brigado „Maksim Gorkij" donos detale k-do Petro Ĉervenski, la gvidanto de la esperanto-laborbrigado.



*) DSNM — Dimitrova Unuiĝo de la Popoljunularo.

# OL

La redakcio ricevis kelkajn liniojn ankaŭ de s-ano Otakar Vyhnal, Praha (Ĉeĥoslovakio), kiujn ni publikigas sube. La redakcio estas aparte kontenta, ke pluraj esperantistoj komencas sendi notojn pri lingvaj demandoj kaj per tio ili alportas sian helpon por la plena kaj detala klarigo de la esperanta gramatiko kaj por la ĉiuflanka lingva perfektiĝo de la esperantistoj.

La redakcio deziras, ke la samideanoj daŭrigu kunlabori en la „Lingva angulo". Ne estas nepre necese doni definitivajn konkludojn pri diversaj punktoj el la gramatiko; kelkiuj povus ankaŭ meti demandojn pri neklaraj punktoj, pri kiuj ili dezirus pritrakton kaj detalan klarigon.

Jen do la notoj de s-ano Vyhnal:

At. D. Atanasov-Ada en la Lingva angulo respondante al Jiri Korinek kaj kritikante la esprimuzon „ol li revenis, daŭris 6 jarojn" — verŝajne iom ne pravas. — Laŭ lia kritiko „tiu ĉi esprimo, nefacile komprenebla, ne estas korekta stile kaj gramatike. OL estas uzebla nur kiam estas komparo inter... statoj, inter kiuj estas diferenco... OL ĉiam iras kun PLI.—En la uzita frazo „ol li revenis" ne estas videbla kontraŭmeto de du malsamaj aferoj, nek oni povas supozi la eston de PLI. La senco de tiu frazo estas esprimebla klare kaj korekte en esperanto tiamaniere: „Daŭris 6 jarojn, ĝis kiam li revenis (ĝis lia reveno)."

Kaj fakte? — La kritikata esprimuzo estas korekte uzebla ĝuste laŭ la principoj taksitaj de Ada:

1. ekzistas komparo „inter statoj", diferenciĝo „sesjara" — Komenca (postkiam),— Interdaŭra (ĝiskiam),— Fina (antaŭkiam) kaj — Sinoptika (ol) el ĉiuj daŭrovidpunktoj — ĉiam uzebla;

2. kontraŭmeto de du malsamaj aferoj estas tuj videbla konfront-komparante la du-plej diferencajn statojn, komencon kaj finon: (Daŭris 6 jarojn) postkiam — antaŭkiam (li revenis);

3. oni povas supozi la eston de „pli": „Daŭris 6 jarojn ĝiskiam li revenis" egalsencas „Post daŭro sesjara li revenis" egalsencas „Post pli ol ses jaroj li revenis — pasis pli ol jarseso".

Do la senco de tiu frazo estas esprimebla klare kaj korekte kaj tute logike en esperanto tiamaniere: „Daŭris pli ol 6 jarojn — ol li revenis (ĝis lia reveno), ĉar li revenis nur postkiam la sesjara daŭro forpasis. La frazo: „Daŭris 6 jarojn ol li revenis" estas ne nur facile komprenebla, sed ankaŭ stile kaj gramatike tute korekta.

El la sekva tabelo klare evidentiĝas, ke ĉi-kaze la „ol" presupozoj, de Ada postulataj, fakte prezencas, kaj ke la konjunkcioj „post, ĝis, antaŭ-kiam" nur kvazaŭ akcentiĝas nian laŭmomente okupitan vidpunkton inter pluraj daŭro-segmentoj de la tuta „ol"-daŭrado:

Ses jarojn daŭr-o-s post-kiam li reven-o-s<br>
-a-s, ĝis — -a-s<br>
-i-s, antaŭ- -i-s<br>
Ses jarojn daŭr-o-a-i-s, ol li reven-o-a-i-s.

Celso ROSA (Rio de Janeiro) sur paĝo 25 de la citita n-o de „IK" celkonscie diras por ni ĉiuj: „Ni bezonas lerni por instrui". Ankaŭ Lenin simile proklamis la bezonon de ĉiama memlerno. — „Ĉiama ekzercado de racio kaj logiko en la esprimado! — skribas Stellan Engholm („Malgranda Revuo" VII/2, pĝ. 24).— Se ni perfektiĝas nin laŭ tiu metodo, ni iom post iom pli kaj pli klare komprenas, kio estas korekta aŭ ne.

La lingva angulo, atente zorganta la korektan uzadon de esperanto estas ĝoje akceptata de la leganto ne nur kiel lingvo-helpo, sed ankaŭ kiel progresiga penso-kulturigo, ĉar ĝi preciz-klarigas lian konceptadon.

*Otakar Vyhnal*

# Unu disputo

Samideano pastro Kubacki per presitaj kaj vaste dissenditaj cirkuleroj proponis al la tutmonda esperantistaro: 1. ŝanĝojn en la esperanta alfabeto, celante forigon de la supersignitaj literoj; 2. kelkajn lingvajn ŝanĝojn, kiel ekzemple anstataŭigon de la adverba finaĵo *aŭ* per *e* (hodie anst. hodiaŭ ktp.)

La motivoj pri la ŝanĝo en la alfabeto estas plifaciligi la skribadon de esperantaj tekstoj per ordinaraj skribmaŝinoj kaj presadon de tiaj tekstoj en ĉiu presejo. La proponanto asertas, ke la supersignitaj literoj estas „barbaraĵo" kaj opinias, ke la manko de ebleco presigi esperantajn tekstojn malhelpis ĝis nun pli grandan disvastiĝon de esperanto.

Ni ne povas konsenti kun la konsideroj de s-ano Kubacki. La supersignitaj literoj de esperanto estas pravigeblaj per multaj argumentoj; ili estas science defendeblaj. La proponataj anstataŭantoj de tiuj literoj ĝuste estas en niaj okuloj monstraj barbaraĵoj (ekzemple anstataŭigo de „ŝ" per „x").

Ni estas konvinkitaj, ke la plejmulto el la esperantistoj samopinias kun ni kaj ni devas bedaŭri, ke la nomita samideano malŝparas valoran tempon kaj monon por verki, presigi kaj dissendi siajn cirkulerojn, kies persisteco jam komencas inciti la nervojn de iuj samideanoj.

De nia kunlaboranto s-ano Juri Korinek, Ĉeĥoslovakio, ni ricevis kopion de letero, adresita al s-ano Kubacki, kiun ni presigas ĉi-sube, kvankam ĝi estas verkita en iom akra kaj nerva tono; nia opinio estas, ke la neseriozaj, senĉese prezentataj proponoj de s-ano Kubacki ne havas grandan signifon, nek vekas ian apartan intereson, por provoki tian nervecon.

Jen do la letero de s-ano Korinek, kun kelkaj mallongigoj:

**Estimata sinjoro Kubacki,**

Vian cirkuleran leteron, per kiu vi bombardas la samideanaron, mi tamen decidiĝis respondi kvankam ĉiuj ceteraj ĉi-lokaj samideanoj konsideras tion senutila malŝparo de tempo kaj afranko. Ĉar vi dissendas vian verŝajne duan cirkuleron pri la „Plena propono por simpligi la ortografion de esperanto" amase, pluraj samideanoj en nia urbo ricevis vian „epokfaran" leteron kaj ĝia enhavo fariĝis temo de kelkaj diskutoj kaj priparoloj. Jen la rezultato: en nia urbo kie ekzistas kelkcent esperantistoj, el tio pli ol 300 anoj de la tri lokaj kluboj, trovis via monstra projekto eĉ ne unu solan aprobon, kio atestas pri tre sana koncepto de la probleme fare de la vasta verdstela popolo. Mi estas konvinkita, ke tiel prudente kaj saĝe kondamnis vian, modere dirite, maldisciplinaĵon la samideanaro ankaŭ ĉie aliloke (pri la ĉeĥoslovaka mi tion rajtas aserti ĉiesvoĉe) kaj ke pli ol 99,9 % de la verda popolo energie rifuzis tian ludemulan malseriozaĵon.

Tiu ĉi mia maŝinskribita letero nuliĝas la unuan el viaj mirakloj, kiun vi eĉ konsideris inda je bildigo per kliŝo sub la titolo de via cirkulero kun teksto: Mi „tipas" tiun ĉi cirkuleron. Ankaŭ mi tajpas senĝene ĉi leteron kaj same faras ĉiu samideano en nia loko, kiu oferas 50 kĉs (eĉ ne unu tutan dolaron) por eta adapto de la skribmaŝino, nome enluto de supersigno anstataŭ iu ne tro bezona signeto. Kiam foje estos uzantoj de esperanto-alfabeto pli multnombraj, la fabrikoj liveros maŝinojn kun ĉiuj supersignitaj literoj kiel ili liveras ilin kun ĉeĥaj supersignitaj litertipoj. Malgraŭ viaj asertoj, ke supersignitaj literoj estas barbaraĵo, estas fakto, ke niaj supersignitaj literoj estas tre feliĉa solvo, kiu tre korekte redonas la fonetikan kaj la grafikan aspekton de la vortoj, male, via transskribo ilin monstre kripligas. Se ni la supersignojn ne havus, eble iam en la estonteco, kiam esperanto fariĝus akceptita mondlingvo, venus al ni ideo pli ilin enkondukindeco. En nuna tempo ili en praktiko prezentas certan maloportunaĵon pro ne sufiĉa ekipiteco de multaj presejoj. Sed tio estas neniel nevenkebla teknika malfacilaĵo, la malplej grava inter tiuj, kiuj bremsas la disvastiĝon de esperanto. Ja ĉiuj ceteraj mondlingvaj projektoj novtempaj evitis tiun problemon por prezo de literduoj — kaj tamen ne sukcesis kaj unu post alia malaperis. La Majstro ja por neceskazoj lasis eblecon paralele kun supersignoj uzi duliterojn kun „h". Kaj la praktiko montris ke

№ 9 SEPTEMBRO 1949 KVARA JARO

# INTERNACIA KULTURO

KULTURA-KAJ SOCIA REVUO DE LA DANUBREGIONAJ ESP.-ASOCIOJ

ABONO: por 12 n-roj — 400 LEVOJ

Redakta komitato: Redaktoro: ASSEN GRIGOROV

AŬSTRIO: Gabriel Katzianka.

BULGARIO: Nikola Aleksiev, prof. Petr Dinekov, prof. d-ro Stojan Ĝuĝev, Simeon Hesapĉiev, Vitali Julzari, Ivan Keremidĉiev-Esperov, Ivan Sarafov.

ĈEĤOSLOVAKIO: Adolf Malik.

HUNGARIO: d-ro Kolomano Kalocsay, Paŭlo Balkányi, Ladislao Somlai.

POLLANDO: Isaj Dratwer.

RUMANIO: Jon Bunesku, Petre Firu, St. Freamat, K. Pellman Josif Petrin, Simeon Zal.

Adreso: STR. TRI UŜI 15, SOFIO — BULGARIO

tiu neceskazo apenaŭ prezentiĝas kaj ke preskaŭ nenio estis en tiu telegrafa alfabeto presata. Resume: tiu ĉi problemo de paralele uzebla sensupersigna skribmaniero por neceskazoj estas per event. eta modifo de la Zamenhofa solvo perfekte forigebla.

Viaj proponoj prezentas en si mem arbitran rompon de la lingva fundamento, ĉar vi sen aprobo de la Akademio kaj interkonsento kun la reprezentantoj de la esperantistaj lingvofakuloj. verkistoj kaj la vasta esperantista popolo, volas trudi monstran por neniu lingvista eksperto akcepteblan ŝanĝon de la esperanta ortografio. Plue vi forigas vortojn (kaj, aŭ, da k. a.) anstataŭigante ilin per aliaj de vi mem preferataj, vi tuŝas la gramatikan regulon forigante la mezurprepozicion „da". Aserto, ke uzo de tiu prepozicio kaŭzas eĉ al spertuloj malfacilaĵojn, estas ridinda. Ĝia uzado estas ekzakte klarigita en nemultaj linioj de la Plena Gramatiko de Kalocsay- Waringhien kaj por ĉiu facile enmemorigebla. Anstataŭigon de finaĵo -aŭ ĉe kelkaj adverboj per paralele uzebla regula adverba finaĵo -e, volis per sia decido el la jaro 1910 eĉ toleri la Lingva Akademio, sed la vasta, en sia plejmulto konservativa verdstela popolo ne akceptis tiun eblon, kaj agante tiel agis saĝe, ĉar verdire tiu diftongo estas neniom malplaĉa, la nebonsoneco estas nur tre subjektiva impreso. Tiajn diftongojn ni trovas abunde en ĉiuj gravaj lingvoj (vidu anglan: only, out prononcataj oŭnli, aŭt: germanan: laŭfen, Kaufmann, ĉeĥan; stranou ktp.) Sola malavantaĝo estas ioma plilongigo de la radiko en kelkaj vortoj kiel hodiaŭa, morgaŭo. Sed tio fariĝis jam firma lingva propraĵo.

De vi proponata y por plurala finaĵo estas pli malplaĉa ol la nuna j, flankelasante ke tio estus fundamenta ŝanĝo.

Plene malsprita estas via aserto, ke supersignitaj literoj estas barbaraĵo kaj apenaŭ meritus refutadon. Ĝi povas esti elkovaĵo de menso aŭ ŝovinisma aŭ limigita. Ja la ega plimulto de la homaro ne uzas la anglan alfabeton. Rusoj, ĉinoj, japanoj, hindoj, araboj, grekoj, kaj multaj aliaj uzas propran skribsignaron kaj el la ceteraj kulturnacioj, kiuj uzas latinan skribon, la plejmulto uzas diversajn supersignojn: germanoj, francoj, hispanoj, portugaloj, svedoj, danoj, ĉeĥoj, jugoslavoj, poloj, hungaroj, finnoj, turkoj, k. a. La angla alfabeto havas nur tiun avantaĝon, ke ĝi uzas sole la nesupersignitajn literojn el la latina alfabeto plus Y kaj W, do tekstoj en ĝi estas preskaŭ ĉie komposteblaj. Se nur uzantoj de la angla alfabeto estus nebarbaroj, do estus pli ol 86 /₀ da barbaroj en la mondo.

Estas naive kredi, ke la supersignoj kaŭzas malrapidan progresadon de interlingvo. Se maldisciplinemaj unuopuloj ne konfuzus kaj malkuraĝigadus kelkiun komencanton, se ni strecus niajn fortojn al vere seriozaj celoj, kiel estas ekzemple eldono de granda ampleksa unuece normiga Plena Vortaro, kiel estas kompilo de vere akireblaj unuecaj oficialaj fakterminaroj, kiel estas aplikado de esperanto por ĉiuspecaj gravaj celoj, se iuj ankaŭ-esperantistoj ne malŝparus monon, tempon kaj paperon por absurdaj ludaĵo, ni baldaŭ vidus, ke la mondo sopiras je bone ekipita, taŭge servanta kaj perfekta internacia helpa lingvo, kia estas nia esperanto.

**Jiri Korinek**, Brno

---

En Sofio okazis la 3-a Kunsido de la konsilantaro de la Internacia Studenta Ligo. Ĉi-okaze la CK de BEA per telegramo salutis la Kunsidon.

*Fervojo*

## AŬSTRIA ŜTATA TRAFIKOFICEJO STARIGAS SPECIALAN ESPERANTO-SEKCION

Dum la lasta tempo la aŭstriaj esperantistoj povis raporti pri diversaj sukcesoj, kiujn ili povis atingi. La aŭstria ŝtata trafikoficejo oficiale starigis en sia kadro specialan esperanto-sekcion.

La aŭstriaj eminentuloj ja bone scias la valoron de internacia lingvo kaj ili laŭpove subtenas niajn klopodojn. Per la kreo de oficiala esperanto-sekcio en la kadro de la ŝtata trafikoficejo Esperanto-sekcio en la kadro de la ŝtata trafikoficejo esperanto nun enpenetras en la praktikan uzadon.

Ĉu la faro fariĝos sukceso, dependas de la esperantistoj tutmondaj. Pro tio ni nun petas ĉiujn geesperantistojn, subteni nin per skribo de gratulkartoj al la sube menciita adreso. Ĉiu skribinto ricevos belan prospekton pri Aŭstrio afrankitan per la nova esperanto-poŝtmarko. Do, via alskribo havos bonan kompenson kaj neniu esperantisto preterlasu akiri belan prospekton kaj esperanto-poŝtmarkon.

La celo de tiu ĉi esperanto-sekcio ne nur estas varbi vizitantojn por nia Aŭstrio, ĝi ankaŭ praktike laboras. Se iu esperantisto pro iu ajn kaŭzo venos Aŭstrion li nepre petu informojn pri vojaĝo, hotelo, vizo ktp. ĉe la menciita sekcio.

Ni ankaŭ intencas aranĝi vojaĝojn al eksterlando. Esperantistoj, kiuj havas rilatojn al trafikoficejoj kaj vojaĝentreprenoj, instigu kontakton kun la aŭstria trafikoficejo per esperanto. Ebliĝos reciproka gastigado.

Esperantistoj tutmondaj, komuniku la starigon de la esperanto-sekcio ĉe la aŭstria ŝtata trafikoficejo ankaŭ al viaj konatuloj, ĉu esperantistaj ĉu neesperantistaj. Por vi tiu fakto estu bona propagandilo kaj per tio vi ankaŭ helpas al nia movado. Kaj ne forgesu skribi karton al *Aŭstria trafikoficejo, Esperanto-sekcio.* Friedrichstrasse 7, Wien, I., Aŭstrujo.

---

# Tabelo de l' enhavo:



---

Koop. presejo „Esperanto" — Sofia, str. Tri uŝi 15